# REGO

## ☆ RUSIA ESPERANTO-GAZETO ☆

*movada revuo en kunlaboro kun REU* *№ 2 (75) aprilo 2013*






**Moskvo, 2013**

# enhavo





*Svetlana Smetanina kaj Grigorij Arosev dum la Konferenco de REU*


# REGo
## (Rusia Esperanto-Gazeto)

**№ 2 (75)   aprilo 2013**

*aperadas ekde 2000*

*redaktas* **Georgij Kokolija**
*kunredaktas* **Viktor Aroloviĉ**
*kunlaboras* **Maksim Griŝin**

*materialoj de REGo povas esti represataj, kondiĉe ke la tekstoj restos senŝanĝaj kaj estos indikita la fonto*

*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105
125310 Moskvo, Rusio
*retadreso:* gazeto@mail.ru

***abontarifoj por 2013:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 500 rubloj, sendendaj al:*
Коколия Георгий Владимирович
Пятницкое шоссе 45 – 105
125310 Москва

*aŭ pagendaj al:* 410011382499386
en la pagsistemo “Яндекс.Деньги”

*por loĝantoj de aliaj landoj – 25 eŭroj pagendaj al la konto* **kklg-r** *ĉe UEA*

**elektronika abono** *– 200 rub. (5 eŭroj)*



## KONFERENCO: KION BEZONAS REU?

La eksprezidanto de REU Grigorij Arosev meritas dankojn. Do mi komencu de ditiramboj. La homo dum kelkaj jaroj mem faris ĉiutagan rutinan laboron, priservante la REU-membrojn: registradis ilin, respondadis demandojn, kompilis la REU-bultenojn, zorgis pri la dissendolistoj ktp. Laboro abunda (malgraŭ daŭra falo de REU-membraro), konstanta, nekrea, sed nepra – por ke la organizaĵo ekzistu home, sed ne nur papere. Laŭ sia imago pri la prezidantaj devoj, laŭ sia traktado de la stato (aĉa) kaj perspektivoj (nulaj) de E-movado en Rusio kaj laŭ siaj ebloj Grigorij Arosev faris ĉion, kion povis, por ke REU traekzistu de la majo 2010 ĝis la aprilo 2013. Kaj pro tio li (kaj liaj teknikaj helpantoj) vere meritas dankon. Al tio mi volonte aldonas la dankon pro la bona organizado de la Konferenco mem: oportuna ejo en centro de Moskvo, senriproĉa pasigo de la procezo en la destinita tempo, agrabla senaplomba maniero de la gvidado. Denove ĉio bonis – de la organiza vidpunkto. Kaj lamis koncerne la esencan.

La Konferenco fakte ne ricevis raporton pri la rusia E-movado. Jes, ĝi malfortas, jes, ĝi ŝrumpas. Jes, ĝi funkcias plejparte sendepende de REU. Tamen ĝi ekzistas – dank' al REU-membroj! Tamen ankoraŭ ekzistas unuopaj REU-anoj kaj eĉ kelkaj REU-kolektivoj, kiuj penas ion fari, kiuj strebas kaj agadas laŭ siaj povoj kaj kapabloj. Tiujn movaderojn nepris zorge kolekti – kaj prezenti en la ĉefa raporto de la Estraro fare de la prezidanto – por morale subteni kaj danki, por montri al ni mem, ke la movado ne tute formortis, por analizi ĝian staton kaj klare ekvidi la jam ekzistantajn fortojn, reale taksi la perspektivojn. Kial tio ne estis farita? Pardonu, se mi eraras, sed mi kuraĝas supozi, ke ne nur pro la tempomanko, sed

ĉefe pro la totala indiferenteco de la prezidinto al la landa E-agado. Eble, la prezidinto ne opiniis sin rajta atribui al la REU-agado laboron, faritan sen kontribuo de REU por ĝi. Sed ja temas pri la agado de la REU-membroj, do, ĉion, faratan de ili, eblas trakti kiel REU-agadon, ĉu ne? Kompreneble, kun nepra mencio de la iniciatintoj kaj realigantoj. Tiukaze la E-movado en Rusio ne aspektus tiom katastrofe nenia, tiom hontiga, kiel ĝin sinjoro Arosev prezentis al la tutmonda esperantistaro en la novjara intervjuo al la "Balta Ondo" / "La Ondo de Esperanto". Kaj la rusiaj movadanoj ricevus sian dankon kaj laŭdon enkadre de la tutlanda REU-Konferenco.

La ĉeftemo de la Konferenco estis pridiskutado de la plia evoluvojo de REU. Evidentiĝis, ke la partoprenantojn zorgigas ne tiom ĉefaj agaddirektoj, kiom la formala strukturo de la Estraro: ĉu unuĉambra ĝi estu aŭ duĉambra. Do, la demando, kiu ne multe interesas min. Por mi precipe gravas, ke REU ekzistu – ĉar Rusio devas havi la landan organizaĵon, kiu devas esti reprezentata almenaŭ en UEA, ankaŭ ĉeokaze plenumi reprezentajn funkciojn ĉe la rusiaj organizaĵoj, havi tiucele konton, sigelon ktp. La fakto mem, ke ekzistas la Estraro, atestas, ke REU ne likvidiĝis kaj pri tiaĵoj iu zorgos.



Ĉiu nova REU-Prezidanto meritas admiron jam pro la aŭdaco okupi la postenon – kaj per tio savi la organizaĵon de pereo. Svetlana Smetanina – feliĉe – ne similas viktimon. Kaj ŝi, tutcerte, ne indiferentas al la E-movado. Ŝi kapablas ne nur vivteni la organizan strukturon de la vegetanta REU, sed ankaŭ revivigi ĝian movadan aktivadon. Kaj mi sincere deziras al ŝi sukceson. Ŝi havas por tio la kolosan sperton, ambiciojn kaj fortojn. Ŝi havas eĉ simpatiajn kaj fidelajn "generalojn". Ŝi ne havas nur la "armeon"... En tiuj "novaj kondiĉoj" iĝas speciale grava la prezidanta Programo, la strategio kaj taktiko, la prioritataj labordirektoj. Tion mi ŝatus pridiskuti dum la tutlanda Konferenco – kaj trovi la komunajn agadkampojn por la kunlaboro kun REU.

Dum la Konferenco mi kelkfoje prezentis mian opinion, ke la prioritata labordirekto devas esti ne vartado de la ekzistantaj membroj (nome – organizado de kutimaj distraĵoj: tendaroj, vojaĝoj, seminarioj ktp), ne revenigo de la perditaj al la organizo, sed adiaŭo al sektismo kaj sinturno al la ekstera agado: vastega popularigo de Esperanto, kreo de pozitiva imago pri esperantistoj en vasta socio, speciale junulara, allogado de novaj energiaj kaj modernpensantaj homoj – el kiuj formiĝu novaj kolektivoj, nova "armeo" – kaj tiam niaj elstaraj "generaloj" havos por kiu

organizadi siajn spertinterŝanĝajn seminariojn. Akiri la "armeon" – jen la superba defio.



Ĝuste pri tiu tute novtipa por rusia esperantistaro agado nuntempe okupiĝas aliĝinta kolektivo de REU – Moskva Esperanto-Asocio "MASI". Tial ni prezentis raporton pri nia laboro – nur de unu jaro – la 2012-a (tiam inter 342 REU-membroj 50 estis MASI-anoj). Sed tiu ĉi raporto en tiu ĉi Konferenco aspektis fremde – ŝajne, neniu komprenis, kiun rilaton ĝi havas al REU. Mi pacience klarigas: ĉar la Asocio estas aliĝinta kolektivo de REU. Do, nia agado estas REU-agado. Kial ni ne raportu pri ĝi dum REU-Konferenco? Ĉu nur ĉar la Konferencon ne interesas agadoj? Ni ne konjektis, ke ĝis tiu grado. Ni (samkiel aliaj agantaj REU-membroj kaj kolektivoj) ricevis nek aprobon, nek dankon, nek kunlaborproponojn – nek de la eksa, nek de la nova REU-Estraro. Ĉu tio ne sugestas, ke ne nur ni ne bezonas REU por agadi konforme al nia Esperanta konscio, al la misio, celoj kaj taskoj de nia Esperanta asocio (tamen, estante REU-membroj, kun la preteco enmeti ĉiujn niajn atingojn en la komunan trezorejon de REU-agado), sed ankaŭ REU ne bezonas nin?

***Irina Gonĉarova, dumviva REU-membro,***
***kunordiganto de la Moskva Esperanto-Asocio "MASI",***
***direktoro de Moskvaj Lingvaj Festivaloj***

## LA 27-a REU-KONFERENCO: AMARA POSTGUSTO

La unuan fojon en mia Esperanto-vivo mi partoprenis en la Konferenco de Rusia Esperantista Unio, kiu pasis la 13-an – 14-an de aprilo 2013 en la biblioteko de Ĉeĥov en Moskvo. REU-n reprezentis 34 partoprenantoj (inter kiuj 5 – distance per Skajp) el 8 urboj. Do, laŭ statistiko ĉeestis nur ĉ. 10% de la membraro.

En mia kapo jam delonge enradikiĝis populara onidiro, laŭ kiu ĉiu (eĉ freŝe esperantistiĝinta novulo) kun serioza mieno asertas, ke praktike REU ne ekzistas, kaj ke Esperanto-movado en Rusio mortis. Tial, kiam mi alproksimiĝis al la konferenca ejo, mi konstatis, ke min obsedas stranga miksaĵo el skeptikismo kaj entuziasmo. Sed post unu horo mia entuziasmo dronis en komuna pesimismo kaj indiferenteco. Do miaj impresoj pri la Konferenco kaj pri REU ĝenerale estas plejparte negativaj. Kial?

– La raporto de la (nun jam eksa) Prezidanto enhavis malmultajn faktojn, kiuj povus esti konsiderataj kiel "agado de REU". Sed ĝi estis plenplena de diversaj

senkulpigoj, plendoj kaj malpozitivaj emocioj. Tia komenco certe agordis konferencanojn kritikeme kaj melankolie.

– Mi abomenas, kiam homoj perversigas bonan noblan ideon (ĉi-kaze la ideon de Esperanto) primitive pro envio, ĵaluzo, honoramo, orgojlo kaj aroganteco. Estis facile kompreni, ke inter la ĉeestantoj videblas kelkaj aliancoj malamikaj unu kontraŭ la alia.

– Ĉiam mi sentis, ke Esperanto ne funkcias ĉi tie kiel ligo inter homoj. Ĉu la interna ideo de Esperanto ne valoras?

– Ŝajne, unu el la permanentaj problemoj de REU estas "manko de homaj fortoj". Sed kial novaj homoj aliĝu al la Unio kaj dediĉu sian tempon kaj fortojn al neekzistanta "agado", des pli ke REU ne zorgas ~~pri varbado~~ pri kreo de alloga bildo pri Esperanto kaj esperantistoj? Kial novuloj volu esti kun ni, se ni mem ne emas aŭ ne kapablas kun-ekzisti, kun-labori kaj kune plani la estonton?

– Oni neaktive kandidatiĝas por estraraj postenoj – ĉu pro nekredo je ebleco aktivigi kaj sukcesigi REU-agadon, ĉu pro profunda indiferenteco.

– La aktivado en la reto – t.e. en sociaj retejoj, forumoj ktp. – tute nulas. Eĉ en *VKontakte*, kiu estas la plej populara socia retejo en Rusio, ne ekzistas grupo de REU. Kaj la grupo de REJM estas fantoma: kiam ĝi estis kreita, oni havis esperon restarigi REJM-on, sed la projekto fiaskis kune kun la grupo. Mi opinias aktivadon en sociaj retejoj – ekz., *Facebook* (Fejsbuko/Vizaĝlibro) kaj *VKontakte* – tre grava, multaj organizaĵoj nuntempe transmetas sian agadon en la reton, ĉar Interreto estas perfekta disvastigilo de informoj, novaĵoj kaj opinioj. Kaj certe landa unio de esperantistoj bezonas tian kanalon de interkomunikiĝo kun siaj membroj kaj apogantoj.

Kompreneble, la plejmulto de REU-anoj estas pure "konsumantoj", kaj mankas progresemuloj. Se ni volas daŭre ŝirmi la valoron de Esperanto disde aliaj homoj kaj egoisme uzi tiun lingvon por nia propra amuzo, strebante sektumi ĉe kuireja tablo, do indas lasi la aferojn kiel ili statas nun. Sed prave diris Peter Baláž, proklamita "la Esperantisto de la Jaro 2012": "Multaj regionaj E-organizoj ankoraŭ vivas en la ŝtona epoko". REU devas iam forrifuzi ŝtonepokan pensmanieron. Tamen dume tro fruas: mankas multaj evoluŝtupoj.

***Julija Samsonova,***
***aktivulo de Moskva Esperanto-Asocio "MASI"***

## JAPANIO PINTE EN LA REJKJAVIKA STATISTIKO

907 esperantistoj el 51 landoj estis registritaj kiel aliĝintoj al la 98-a UK en Rejkjaviko la 12-an de aprilo, iom pli ol tri monatojn antaŭ la komenco de la kongreso. Kvankam temas pri eŭropa UK, sur la unua loko en la statistiko daŭre restas Japanio, kiu liveris ĝis nun 92 aliĝintojn. Sekvas Francio kaj Germanio (respektive 83 kaj 78). Aliaj landoj kun multaj aliĝintoj estas Italio (41), Ĉinio kaj Nederlando (po 39), Svedio (37), Pollando kaj Rusio (po 33), Usono (28), Belgio kaj Svislando (po 27), Brazilo, Ĉeĥio kaj Finnlando (po 25), Britio (24) kaj Danio (22).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***



## "APERO-7" EN CIFEROJ KAJ FAKTOJ

La orda numero: 7.

La datoj: 21-a – 24-a de februaro 2013.

La situo: 40 km okcidente de Moskvo.

La ejo: 14 ĉambroj kun 33 litoj + iom da faldlitoj en 1 dometo, troviĝanta en 38-hektara teritorio de la antikva bieno de grafo Olsufjev kun parkego kaj lagetaro.

La manĝado: 3-foja tage, kvanto de proponitaj en la manĝejo kaj konsumitaj pladoj nekalkuleblas.

La organizanto – 1: Moskva E-Asocio "MASI" (estinta EK MASI).

La subvenciantoj – 1: REU (4 000 rub.).

La celoj – 3: E-parolado, E- kaj ĝenerala kulturigo, ripozo en amika kaj malstulta E-etoso.

La labora kaj ĉiutaga lingvoj – 1: Esperanto.

La temoj – 2: E-movado, ĝenerala klerigado.

Kvanto de la realigitaj programeroj – 30.

La laŭtemaj programeroj – 7 E-movadaj, 4 E-lingvaj-literaturaj, 6 ĝeneral-klerigaj.

La distraj programeroj – 8, inter kiuj: teatrajo "Telefono" de K.I.Ĉukovskij, koncerto de Mikaelo Povorin, tablaj ludoj "Karkasson" kaj "Aktiviti".

La gitaristoj-kantistoj – 4: Mikaelo Povorin, Sergej Straŝnenko, Aleksandr Vikulov, Oĉjo Ĉajka.

La flago – Esperanta (3).

La koloro de la vestoj – verda-blanka.

La partoprenintoj – 44 personoj, el kiuj:

– 16 inoj, 28 malinoj;

– la plej juna – 19-jara, la plej aĝa – 62-jara;

– 25 membroj de la Moskva E-Asocio MASI;

– 10 gastoj el aliaj urboj: 2 el Samara, po 1 el Ĉeljabinsk, Novoĉer-



kassk, Uljanovsk, Arĥangeljsk, Kaluga, po 1 el la landoj Latvio, Ĉilio, Italio.

– 3 malbonparolantoj, 8 nefluparolantoj, 33 fluparolantoj.

La Persono de la Apero – Viko Bosnjak.

La nemalhaveblaj organizantoj: Irina Gonĉarova, Julija Samsonova (programo), Anastasija Goljc (enloĝigo kaj financoj).

La dankendaj partoprenintoj: ĉiuj!

La sekva Apero: numero 8; 20-23.02.2014 en la sama bazejo; aliĝperiodo kaj antaŭpagado: 10.01-16.02.2014; kvanto de partoprenontoj: 44.

La grupo en *VKontakte*: <http://vk.com/club36862024>.

***Irina Gonĉarova <mirinda.strigo@gmail.com>***

## "APERO-7"

"Apero" estas tradicia sezonŝanĝa renkontiĝo de la Moskva Esperanta Asocio "MASI" (eksa Moskva junulara Esperanta klubo "MASI"), kiu la 21-an – 24-an de februaro 2013 okazis jam la 7-an fojon. Ĝi pasis en la bienripozejo "Jerŝovo" apud la antikva urbo Zvenigorod. La aranĝo celas engaĝi en E-lingvan medion la MASI-anojn, ĉijarajn kursfinintojn aŭ kursfinantojn, memlernantojn kaj ĉiujn esperantoparolemulojn. Tial ne nur ĉiuj programeroj, sed ankaŭ ĉiutagecaj kaj personaj komunikadoj okazas nur en Eperanto. La kondiĉoj por tio estas bonegaj – ja ĉiuj 44 partoprenintoj kune loĝis en unu 14-cambra dometo. La aĝoj variis de 19 gis 62 jaroj, tamen plej multis gejunuloj tridekjaraj. Ĉifoje nin vizitis 7 homoj el aliaj rusiaj urboj kaj 3 eksterlandanoj.




La programo ĉiam multe dependas de la kontribuantoj. Ĉar en "Aperoj" kutime duono da la homoj estas unuafojaj partoprenantoj, la aranĝoj enhave diferencas. Ĉi-jare nin vizitis kroato, civitano de Aŭstrio, loĝanta en Italio, Viktor Bosnjak – sendependa amaskomunika aktivulo, pacaganto kaj nova esperantisto. Li multe kontribuis per prelegoj, filmoj, disputgvidado kaj, estante vigla kaj amikema homo, ofte kreis specialan bon-etoson. Estis tre interesaj prelegoj de Nikolao Gudskov pri ideologio de esperantismo (finvenkismo kaj raŭmismo), de Julija Samsonova pri lingvopolitikaj pozicioj de Unesko kaj TEJO, de Ilja Gimon pri la juda festo Purimo kun posta legado de la "Libro de Ester", estis rakontoj pri vojaĝo al la Esperanta urbo Herzberg de Julija Samsonova kaj al Tajlando kaj Kamboĝo de

Jekaterina Ljubuŝina, pri Ĉilio kaj Sudameriko de la ĉiliano Daniel Karasko kaj pri politika situacio en Tunizio de Viktor Bosnjak. Estis prelegoj de Julija Samsonova pri la absurda planlingvo *Globish* kaj de Ilja Gimon pri Esperantaj serv-morfemoj, metiejoj pri samtempa rakont-verkado kaj kleriga ludo pri la ĉefverkoj de la Dresdena galerio, aliaj intelektaj kaj lingvaj ludoj, koncerto de Mikaelo Povorin, multaktora skeĉo laŭ la infana fabelo de Kornej Ĉukovskij "Telefono", poezi-kantaj vesperoj kun belega kantado de Sergeo Straŝnenko, Aleksandr Vikulov, Oleg Ĉajka. Estis ankaŭ pridiskuto de novaj MASI-projektoj kaj la ĉefa por ni movada evento – la unuaj provoj fari intervjuojn por la konataj E-radioj (la unua el kiuj tuj aperis en la Varsovia Vento!) – pri kio ni nepre devas danki al Sergeo Kuznecov.



Pliĝustigas la bildon la homaj opinioj. Sube vi povas legi kelkajn impresojn – de la novuloj kaj de spertaj partoprenintoj.

"Apero-8" estas planata por la 20-a – 23-a de februaro 2014 en la sama loko. Bonvenon!

***Irina Gonĉarova, <mirinda.strigo@gmail.com>***
***kunordiganto de la Moskva Esperanta Asocio "MASI"***
***<http://ek-masi.weebly.com>***

## IMPRESOJ PRI "APERO-7"

***Ilja Gimon (Jona):***



Tio estis la tria "Apero", kiun mi partoprenis. Kaj mi vidas ke la aranĝo iĝas pli kaj pli serioza. Ludoj kaj kantadoj restis, sed ankaŭ prelegoj kaj diskutoj okupas pli kaj pli grandan kaj gravan parton en la aranĝo. Mi tre ĝojis pro niaj varmaj (tamen sensangaj) disputoj pri lingvoj, Esperanto, politiko, religio. Krome, mi, certe, ĝojis konatiĝi kun novaj homoj, tre interesaj. ĈIO ESTIS ĜUO!

***Nikolaj Nikulin (Nikos):***

Al mi tiu ĉi "Apero" plaĉis pli multe ol ĉiuj antaŭaj. Kiel kutime, neniu krokodilis eĉ en la manĝejo; estis samtempe seriozaj prelegoj kaj pridiskutoj kaj ankaŭ distraĵoj, okazis ĉarmegaj muzikaj kantvespernoktoj, kiam preskaŭ ĉiuj kantis kaj deklamis versaĵojn ĝismatene. Sed krome... belega knabino,

nekonata antaŭe... Mi tre malĝojas pro tio, ke "Apero" finiĝis! Mi ne volus, ke ĝi iam fermiĝu!



***Dmitrij Borodajev (DimBor):***
Dankon pro ĉi tiu interesa "Apero". Mi multon novan eksciis kaj havis multan agrablan komunikadon. Sukcesojn!

***Natalja Ĉistozvonova (Scianta):***
Por mi estis grandega okazo, por mi nur estis nesufiĉe longe.

***Dmitrij Karjakin (Elfor):***
Tiu ĉi "Apero" estis la unua tiel serioza aranĝo, kiun mi vizitis. Kaj mi certe povas diri, ke ĝi estis tre bona kaj utila por ĉiuj, kiuj planis ĝin utile pasigi. Estis multe da diversspecaj partoj de la programo, pro tio ĉiu homo povis trovi ion interesan por si. Ankaŭ estis tre plaĉaj vesperoj, dum kiuj oni kantis, teumis ktp, do tio estis kvazaŭ vera vojaĝo al Esperantujo.



***Aleksandr Vikulov:***
La "Apero" plaĉis al mi, unue, per sia etoso. Ĝi estis bonkora kaj sincera, kaj mi povis finfine fari tion, pri kio mi revis multe da jaroj: sidi, fari nenion, ĝui bonegan etoson kaj aŭskulti, kiel bone sonas Esperanto. Eblas diri multe pri la programo, sed mi dirus nur ke al mi plaĉis ciuj ĝiaj partoj, eĉ tiuj, kiujn mi ne partoprenis. Kaj la diverseco de la programaj okazaĵoj nur plibonigis la etoson.

***Aleksandra Bezrukova (Aerin):***
Dankon al Klera kaj Mirina, kiuj kolektis nin ĉi tie. Al mi plaĉis "Apero". Tre plaĉis. Mi amas ĉiujn.

***Dmitrij Bervinov (Kajto):***
La "Apero" estis orgnizita tre bone kaj sukcese solvis sian bazan taskon: ni ĉiuj povis interŝanĝi informojn kaj plibonigi nian nivelon de lingvokono. La nuntempa problemo estas ke ĉi aranĝo ne estas sufice konata; gin ne konas vasta publiko, tial ĝi tro limigas nian grupon.



***Viktor Bosnjak, alilandano (Viko):***
Dankon al ĉiuj organizantoj! Por mi tiu ĉi renkontiĝo estis la unua, do, mi estis tre kontenta, ke mi povas uzi ĉiutage la lingvon Esperanto. Estas klare, ke por mi, kiel esperantisto, veninta el alia teritorio sur tiun ĉi teron, estas malfacile konatiĝi kun novaj diversaj personoj kaj samtempe konatiĝi kun iliaj kulturoj, sentoj kaj timoj. Mi esperas, ke la lingvo Esperanto povas detrui limojn kaj timojn en niaj cerboj. Dankon!

# TRADICIA MARTA SABATO

La lastan martan sabaton la fremdlingva fakultato de Uljanovska ŝtata pedagogia universitato kaj Esperanto-klubo invitis urbajn loĝantojn al la 11-a Lingva Festivalo. La invito estis disvastigita per radio kaj kelkaj ĵurnaloj, per specialaj faldfolioj kaj per ruslingva kluba ĵurnalo “Verda Teo”.

Kaj gastoj aperis. Pli ol 700 personoj partoprenis nian festivalon: prezentantoj kaj vizitantoj, gastoj el Jemeno kaj Usono, el Ĉinio kaj Hispanio. Ni ree renkontiĝis kun niaj geamikoj el Dimitrovgrada E-klubo, kaj ĝia prezidantino Tatjana Iljutkina ree konatigis ĉiujn kun la bulgara lingvo.

Dum festa malfermo Svetlana Dirina, fakestrino pri fremdlingva literaturo (Palaco de Libroj), enmanigis dankleteron al nia E-klubo.

Niaj konstantaj festivalaj helpantoj estis studentoj el la urba sociala-pedagogia lernejo № 1 sub gvido de Tatjana Ivanovna Lebedeva, studentoj de la teknika universitato kun Oljga Anatoljevna Dmitrijenko kaj studentoj el la agrikultura akademio kun Natalja Adolfovna Nikonova (ĉiuj tri instruistinoj estas niaj eksstudentinoj).



Precipe ni dankas al Julija Rjabkova, kiu prezentis programerojn pri kelkaj lingvoj, al Dmitrij Porfirjev (la cigana lingvo) kaj Irina Obuĥova (la portugala lingvo).

Tradicie la plej multajn programerojn prezentis studentoj de la germana kaj la franca fakoj. Tre bone preparis siajn prezentojn reprezentantoj de la tatara, mordva, ĉuvaŝa kaj oseta kulturoj.

Ankaŭ la urba E-klubo estis aktiva. Jurij Karcev kaj Sergej Abramov estis gvidantoj tra Esperantujo. En Esperanto-salono oni povis ankaŭ rigardi albumojn pri kluba agado, fotojn, librojn kaj multajn esperantaĵojn. Krome niaj klubaninoj Oljga Sirotinina kaj Elmira Valiullova (Kuĉatova) prezentis ankaŭ la italan, la grekan kaj la tataran lingvojn.

La unuan fojon okazis dum la Festivalo scienca seminario “Lingva bildo de la mondo” sub gvido de M.Karceva. Tiun seminarion partoprenis 10 parolantoj, inter ili estis S.Abramov, kiu rakontis pri Esperanto kaj Esperanto-movado. Temis ankaŭ pri la angla, franca, germana lingvoj kaj iliaj dialektoj. Krome, du studentinoj de la pedagogia universitato (fakultato pri pedagogio kaj psikologio) ricevis E-kluban dankleteron pro partopreno en kvizo pri Esperanto. Tio estas rezulto de niaj novembraj renkontoj (vidu en REGo № 6 (73)).

Brila estis la koncerto. La unuan fojon elpaŝis sur festivala scenejo cirka studio

el orfa hejmo kaj lernantoj el Karsun (Uljanovska regiono). La lernantoj ne nur aktive partoprenis la koncertan programon, sed ankaŭ prezentis la germanan kaj la tataran lingvojn (gvidantino M.Volkova).

La sekvan tagon ni kunvenis en nia klubejo. Estis la unua leciono de Esperanto (Jurij Karcev kaj Sergeo Abramov). Krome oni povis spekti filmon por komencantoj en Kamena halo de Palaco de libroj.

Pri la Festivalo raportis la loka radiostacio, la ŝtata loka televidkompanio, publikigis artikolojn kelkaj ĵurnaloj.

Populareco de la Festivalo kreskas. Tio bonas. Eĉ pli bona estas tiu fakto, ke lernantoj kaj studentoj el diversaj lernejoj, universitatoj volas ne nur viziti, sed eĉ aktive partopreni ĝin. Tio ĝojigas. Kaj ni esperas: Lingva Festivalo en Uljanovsk vivos.



***Margarita Karceva (Uljanovsk)***

## PREFIKSE UZATAJ E-VORTOJ

**parto 5**[1]

### KVAZAŬ

Sinjoro Dekkinga **kvazaŭis** surdecon, kaj rigardis, nenion vidante, el la fenestro...
*F.Faulhaber, el la nederlanda, Tjeerd Adem, Dekkinga fuĝas, Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhj, 1957, p. 27*

Sammomente li ekregis sin, **kvazaŭis** ke li volas ŝoveti sian seĝon...
*F.Faulhaber, el la nederlanda, Tjeerd Adem, Dekkinga fuĝas, Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhj, 1957, p. 181*

Mi konstante uzas prefikse la vorton **"kvazaŭ"**, ĉar mi ja estas juristo kaj eĉ la plej belaj rakontoj min konvinkas ne tre. Konvinkaj estas nur faktoj, kiujn juristo ricevas senpere de la originalo.
*Gennadij Ŝilo, or., Rusio, Scienco kaj Kulturo, 2002, 6, p. 6*

– "Mi ne volas", diris la unua.
– "Nek mi", **kvazaŭeĥis** la pli juna.
*Christian Lavarenne, el la franca, Adelin Moulis, La Naŭ Veraĵoj k.a. Mirindaj Rakontoj el la Pireneoj, Eld. Hejmoj de Internacia Kulturo, Balagué, Francio, p. 3*

En 1989 okazis en Pollando, samkiel en aliaj ekssocialismaj landoj... La ŝtato ne plu subvencias E-movadon. Pluraj **kvazaŭ-esperantistoj** ĉesis interesiĝi pri la af-

[1] La antaŭaj parto aperis en REGo №№ 3-4 (70-71) – 6 (73), 2012; 1 (74), 2013.

ero.
*Sofia Banet-Fornalowa, or.. Pollando, Heroldo de Esperanto, 1989, 2, p. 3*

Pli poste, Kraleviĉ enamikiĝis kaj **kvazaŭfratiĝis** al Halilo: *Kune ili gardis la terojn de la Sultano/ambaŭ militis kontraŭ malamikojn/ kaj...*
*Chuma Çupa, or., Albanio, La Gazeto, 122, (jan. 2006), p. 23*

Poste per furioza tono ŝi ekkriis... Per interpunkcio li deziris montri al ŝi iom de sia amika ĉeesto.
'Jen vi rekomencas,' ŝi diris, 'estas via "jes", viaj **kvazaŭgruntadoj**, kiuj min enmerdigas!'
*Gérard Patureaux, or., La Gazeto, 111 (mar. 2004), p. 26*

– Vidu!
Ja la **kvazaŭ kadavro** aspektis iel perdanta sian tutan rigidecon. Tio komenciĝis per fingroj, kiuj malrapide ungetis sur la littuko. [**kvazaŭ-kadavro**, laŭ AG]
*Lorjak, or., Francio, Eŭlalia, HEA,Budapest, 1984, p. 105*

Blovetis vento, scintilis la sunlumo tra arboj, trilis birdetoj, apud la vojo staris **kvazaŭkadukaj** dometoj, surfenestraj floroj ŝajnis saluti nin kline.
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 116 (jan. 2005), p. 10*

Boris Kolker "Vojaĝo en Esperanto-Lando". Perfektiga kurso de Esperanto...
Ĉi tiu vidinda, havinda kaj uzinda libro estas modifita...
**Kvazaŭ-kurso** kaj **kvazaŭ-klubumo**, ĝi konsistas el 26 lecionoj...
*Blazio Vaha, or., Hungario, Internacia Pedagogia Revuo, 2002, 4, p. 18*

Eĉ formiĝis kunmetoj el kelkaj radikoj kune kun prefiksoj kaj sufiksoj: nazkataras... **kvazaŭknabas** (kondutas, aspektas kiel knabo) k.a.
*Dimitar Haĝiev. or.. Bulgario, Literatura Foiro, 198 (aŭg. 2002), p. 181*

Tio gravas, ĉar **kvazaŭmilitismaj** organizaĵoj en Nord-Irlando, kun siaj politikaj aloj...
*IRL, or., Monato, 1998, 2, p. 8*

Ankaŭ la moderna kurac-arto ebligas daŭre pluvivigi **kvazaŭ-mortintojn**, kiuj tute senutilas al iu ajn, krom al kuracistoj.
*Régis Fournier, or., Kontakto, 2001, 2, p. 4*

Eble influis lin la morto pro tuberkulozo de lia pliaĝa frato; eble la **kvazaŭmorto** de lia patrino – jam planita estis ŝia entombigo, kiam la mortinto subite ekkriis (kaj pluvivis 24 jarojn).
*Steĉjo Norvell, or., Monato, 2003, 1, p. 12*

Ni spertas kaj spektas multajn hibridaĵojn de tiu ĉi mondangulo: la **kvazaŭperfektan** dulingvecon ĉe la plimulto de la loĝantaro, kaj la putindoman ruĝon de lastmodela sportoaŭto.
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 116 (jan. 2005), p. 9*

Ankoraŭ antaŭ unu monato la Eŭropa Komisiono, kiu estas **kvazaŭ-registaro** de Eŭropa Unio, oficiale komunikis sian opinion pri la lingvoj en Eŭropo.
*Hans Bakker, or., Nederlando, Afrikume (afrika cirkulero de kultura centro esper-*

*antista), 2 (jan. 2006), p. 1*

Forpasas la tempo de imitado, de **kvazaŭ-rigardoj**, **kvazaŭ-vortoj**.
*István Nemere, or., Hungario, Nesto de Viperoj, Impeto, Moskvo, 1994, p. 148*

Kun la unuaj akordoj aperas el eble 200-300-metra malproksimo, el la unuetaĝa domo (loĝejo de Baba) svelta figuro, vestita en flavruĝa **kvazaŭrobo**.
*Gennadij Ŝilo, or., Rusio, Scienco kaj Kulturo, 2002, 6, p. 3*

Ja la verkon de nia marhundo oni povas legi [kiel] **kvazaŭromanon**, aŭ kiel filozofian lernolibron. Kvazaŭromane larĝe gravas binaraj opozicioj, ekzemple Okcidento/Malokcidento, kulpo/senkulpo, socio/seksalo.
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 111 (mar. 2004), p. 23*

La nova atmosfero, favora al esperanto, montriĝis en kelkaj okcidenteropaj socioj per **kvazaŭ subita** florado de esperantologio kaj interlingvistiko ekster niaj rondoj. [eblus ***kvazaŭsubita***, rim. de A.Gonĉarov]
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando, Literatura Foiro, 221 (jun. 2006), p. 133*

Kaj mi deziregas ŝian korpon, mi ŝatus iradi kun ŝi vespere sur la Insulo, **kvazaŭ-vojperdi**, observi la lumojn de la rivero.
*István Nemere, or., Hungario, Febro, HEA, Budapest, 1984, p. 10*

Kaŝita en **kvazaŭ-ventolilo**, ĝi dissendis ondojn de senpaga muziko: kriaĉa, orelŝraŭba, eble danciga.
*Lorjak, or., Francio, Retoj, eld. "Fondumo Esperanto – Säätiö", Finnlando, 1978, p. 8*

Oni povas diri nenion pri parolevoluo, ja la infano eldiradas nur nekompreneblajn "vortojn" – laŭ niaj impresoj tiuj **kvazaŭ-vortoj** ne havas signifon animagordan...
*István Nemere, or., Hungario, Krias la silento, Eld. Bero, Berkeley, 2002, p. 70*

Ĉu Hella ne sopiras lin, la viron? Ĉu ne instigas ŝin lia proksimeco, la **kvazaŭ-alireblo**?
*István Nemere, or., Hungario, Krias la silento, Eld. Bero, Berkeley, 2002, p. 51*

Tiumane li havis ĉiujn kvin fingrojn, sed ankaŭ ili estis torditaj kaj etaj. El la vesteto iom videblis la **kvazaŭ-piedoj**: sed ili ne estis videblaj.
*István Nemere, or., Hungario, Krias la silento, Eld. Bero, Berkeley, 2002, p. 40*

Tion konstatis Theo per okuloj de **kvazaŭ-fakulo**. Ja li devis observi kaj koni la mondon.
*István Nemere, or., Hungario, Krias la silento, Eld. Bero, Berkeley, 2002, p. 36*

## LAŬ

... kaj venis en mallarĝan koridoreton, kie odoris **laŭ pizosupo**...
*F.Faulhaber, el la nederlanda, Tjeerd Adem, Dekkinga fuĝas, Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhj, 1957, p. 81*

Don Quijote ĉesis paroli kaj atendis aplombe la respondon de la bela princino; kaj ŝi, kun majesta esprimo **laŭa** al la stilo de la hidalgo...
*Fernando de Diego, el la hispana, La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha,*

*eld. "Fundacion de Esperanto", Hispanio, 1977, p. 346*

... disponos pri la germanlingva teksto de la interkonsento, studos ĝin detale kaj trovos **laŭajn** eblecojn de kunagado...
*der esperantist, 1974, 1-2, p. 31*

Li rigardis la naturon ĉirkaŭ si, belaj pinoj **laŭis** la vojeton...
*Johan Hammond Rosbach, or., Norvegio, Norda Prismo, 1959, 2, p. 64*

Li naskiĝis en Venecio la 2-an de aprilo 1725, **laŭleĝe** de la patro Gaetano Casanova, aktoro same kiel la patrino Zanetta Farusi; **laŭflustre** la patro estis la patricio Michele Grimani.
*Carlo Minnaja, or., Italio, Literatura Foiro, 178 (apr. 1999), p. 75*

Pri l' long' konkursis
kun flu' neriĉa
betona fascinaĵo;
ĝis l' estuaro
**laŭkuŝas** tetrapotoj,
facile flirtas
per naĝ' fiŝetaj rotoj...
*Mijamoto Masao, or., Japanio, Norda Prismo, 1970, 4, p. 274*

**BORIS GRANAT (1948-2013)**

Boris Andrejeviĉ Granat forpasis je la 65-kvina jaro, post nelonga senkonscia stato en israela hospitalo. Li estis fervora esperantisto de juneco, kaj enanime restis esperantisto ĝis la lasta tago. ***(esperanto-rus-informoj)***

... inter ĝi kaj la muro de la ĉefdomo **laŭlongis** trabo por lavitaĵoj...
*Baldur Ragnarsson, el la islanda, Islandaj pravoĉoj, Eldona Societo Esperanto, Malmö, 1964, p. 41*

Por vi mi faris veluran jakon, kaj jen la ĉapo, kian surportas niaj **laŭmoduloj**; mi brodis ĝin por vi antaŭ longe. Ĉu vi volas ĝin surprovi?
*J.Beau, el la franca, Prosper Mérimée, Colomba, The Esperanto publishing Co.L.T.D., Anglujo*

... kiaĝenra verko estas via *Danubo*, kies herooj, iam en la okdekaj jaroj, **laŭvojaĝas** Danubon...
*István Ertl, or., Hungario – Eŭropo, Literatura Foiro, 139 (okt.1992), p. 231*

Estas atendata la enkonduka parolado de la nova Konsulo, c-ano Giorgio Silfer: ŝajnas ke ĝi ne estos prelego **laŭ cirkonstanca**, sed longa kaj artikita analizo pri la stato de la esperantlingva komunumo. [plinormale aspektus: *laŭcirkonstanca*, rim. de A.G.]
*HeKo 324 1-C, 18 feb 07*

## NE

Kutime la gvidantojn de UEA cerbumigis **ne-sufiĉo** de mono. ... Tamen, plejparto de la laboro en la CO estas **ne-administra**. ... UK estas enorma volontula projekto kaj libroj grandparte estas pretigataj **ne-oficiste**.
*Osmo Buller, or., Finnlando, Esperanto, 1998, 6, p. 101*

Paula nun estis treege sincera. Ŝi ne rigardis al li, sed gapis al la muro. La vizaĝo –

kvazaŭ **neadresita** koverto. Ĉu vere ŝi estas tia...
*István Nemere, or., Hungario, Krias la silento, Eld. Bero, Beverley, 2002, p. 16*

Tio estas fakto tro morna kaj eĉ doloriga, sed oni komparas la noblajn celojn de la movado kun kelkies agoj **neakordaj** al ĝi.
*Zofia Banet-Fornalowa, or., Pollando, Esperanto, 1994, 12, p. 204*

... dum multaj jaroj mi instruis la germanan kaj la latinan, kaj ankaŭ la anglan al **neangleparolantoj**.
*Trevor Steele, or., Aŭstralio, La Gazeto, 97 (dec. 2001), p. 10*

Ĉar min tiklis la scivolo starigi ian komparon inter la konstantinta samniveligo en la kampo de la monda informado kaj la stato de esperanta gazetaro ĝenerale (nur pri la gazetaro, ĉar televidsendilojn ni **neankoraŭ** posedas).
*Aldo de Giorgi, or., Italio, La Kancerkliniko, 80 (okt.-dec. 1996), p. 23*

Dum la 1970-aj jaroj du japanaj esp-istoj vizitis Ĉinion kiel gastoj de ĉina komunista instanco, kaj reveninte en Japanion, ili ambaŭ publikigis tro optimismajn artikolojn **nebazitajn** sur faktoj.
*Shi Chengtai, or., Ĉinio, La Gazeto, 125 (jun. 2006), p. 2*

Esperantaj tekstoj kun abundo da mallongigoj similas al skribaĵoj larditaj per fremdaj vortoj kaj esprimoj, kiujn **neĉiuj** esperantistoj povas kompreni.
*Bernard Golden, or., Usono – Hungario, der esperantist, 1986, 4, p. 77*

Ĉion li esprimas per parolturnoj oblikvaj, per klaĉado konfuziga, per ĉikanoj harhirtigaj, miksitaj per miskomprenoj realaj kaj ŝajnigitaj, ambiguoj frenezumaj, misparoloj sencerbe **nediraj**, klaŭneskaj komikaĵoj pikemaj, fiaĉaj kaj obscenaj. La rido daŭre survestas per sensencaĵoj la veroesprimon.
*Nicolino Rossi, or., Italio, La Gazeto, 110 (jan. 2004), p. 14*

Ĝenataj nek de kurento trablova nek de vorto pli vigla aŭ gesto pli akra, en tiuj hermetikaj ejoj ili longe daŭras **nedisfalaj**, tiel kiel korpoj restas integraj en seka kaj bone ŝtopita tombo.
*Roger Imbert, el la kroata, Moderna Kroatia Prozo, Zagreb, 1979, p. 225*

Kiam ĝi estas reproduktita en ŝtato, rezultas en teokration, en kiu regas **nedisiĝo** de la politiko kaj la religio kaj la sekulara reganto estas simultane diohomo.
*Yamasaki Seikô, or., Japanio, Literatura Foiro, 222 (aŭg. 2006), p. 208*

Preter la batalantoj, kun la pezigitaj palpebroj kaj kun la okuloj lacigitaj per **nedormo**, paŝadis...
*Branko Miljko, el la serba, Branko Ĉopiĉ, La legindaj partizanoj, Sarajevo, elbih, 1987, p. 67*

... kaj ni ĉiuj sentis, kiel la trivitaj randumoj de la kamionetaj pneŭmatikoj glitis sur la malfirma kota kaj **neebena** vojsurfaco.
*B.Golden, or., Usono – Hungario, Fonto, 42 (mar. 1984), p. 5*

Tiel troviĝas en Esperanto ekzemple cionisma aŭ lngve-civita interpretoj, kaj mi mem ne povas tute forlasi mian propran interpreton. Tial **neeblas** objektiveco, kiu supozigas...

*Francisko Degoul, or., Heroldo de Esperanto, 2007, 2, p. 3*

Do la revuo nuntempe estas redaktata en Slovakio, sed presata en Nederlando. La eksteroficeja redaktado havas kaj avantaĝojn (pli da trankvilo, **ne-el-umbilika** panoramo al Esperantujo, "pli proksime al la legantoj"...)...
*Stano Marĉek, or., Slovakio, La Ondo de Esperanto, 2002, 4, p. 3*

Kie kaj al kiu li estus parolanta? Tiuj, kiuj sentas sin "elito" pri tio ne parolas, por ili tio ne estas natura. Estante inter la **ne-elito** pli taŭgas ja silenti.
*István Nemere, or., Hungario, Krias la silento, Eld. Bero, Beverley, 2002, p. 14*

Konsideri morton la malo de vivo estas ignori ke morto ne povas ekzisti kiel substanco. Morto ne estas la malo de vivo sed ties **neesto**.
*Bernard Henry, el la hinda, Femina, 7, 2006, p. 3*

... kaj lia scipovo de la hebrea kaj la persa certe ne nur donis al ni multajn belegajn tradukojn kaj interesajn sciojn, sed helpis lin kiel leksikologon kaj gramatikiston, konsideri **ne-eŭroplingvajn**.
*M.Boulton, or., Anglio, Sennacieca Revuo, 120 (1992), p. 2*

'Hakulo' estas ĵargona esprimo trofoje misinterpretita en **(ne)faka** gazetaro: hakulo ne estas komputika krimulo, sed male, informadika malteroristo. Hakulo – ĝuste kiel Linus Torvalds ja estas – laboras por liberigi la komputilojn, kaj softvare kaj hardvare.
*Federico Gobbo, or., Italio, La Gazeto, 112 (apr. 2004), p. 21*

Kion opinias **nefranco** pr tiu ĉi KD mi ŝatus scii.
*Ĵak Le Puil, or., Francio, La Kancerkliniko, 88 (okt.-dec. 1998), p. 22*

... mi estis tuj dungita de supera metilernejo en la Chaux-de-Fonds por intensive instrui la francan al **nefranclingvanoj** 16- ĝis 26-jaraĝaj...
*Claude Gacond, or., Svislando, La Gazeto, 97 (dec. 2001), p. 20*

La komparon ni devas fari kun la **ne gravaj** etnolingvoj, ĉar tia estas esperanto: idiomo de diaspora minoritato. Tiel longe kiel la esperantistoj cedas al sia finvenkisma superegoo, ili suferas terurajn frustraciojn. Kiam ili akceptas (raŭmisme) sin mem, sian egoon, ili fine povas fari pli adekvatajn diagnozojn kaj sekve trafi terapiojn.
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando, Literatura Foiro, 156 (aŭg. 1995), p. 201*

Bonŝance mi renkontis... fonetikiston **negrizulon** kiu kleris bonege por respondi al la sinceraj duboj de juna studento pri lingvistiko kaj semiologio.
*Federico Gobbo, Italio, La Gazeto, 111 (mar. 2004), p. 9*

Ne venas ankaŭ **ne havantoj** intereson al lingvoj ĝenerale. [indus: **ne-havantoj** aŭ **nehavantoj**, rim de A.G.]
*der esperantist, 1986, 6, p. 131*

Jam delonge mi ne legis similan ege interesan libron... **Nehazarde** oni nomas ĝin leĝo de budismo, kaj jam du jarcentojn oni tradukas ĝin...
*Venelin Mitev, or., Bulgario, Literatura Foiro, 211 (okt. 2004), p. 256*

... sed se la etoso ne plaĉas al mi, se mi min tie sentas **nehejme**, mi foriros kiel eble

plej baldaŭ.
*Gerrit Berveling, or., Nederlando, Fonto, 176 (aŭg. 1995), p. 17*

Oni vivas en la nuna momento, hodiaŭ, kaj ĉio alia estas iu nebula **ne-nun**, **ne-hodiaŭ**. Vera sento pri objektiveco plej ofte mankas ĉe triamondanoj.
*Edward Symoens, or., Monato, 1993, 3, p. 25*

Kion valorigas? Ĉu lin, ĉu la socion, ĉu la klason de la kapitalistoj kiuj lin dungis, de tiuj **ne-homoj** kiujn li ne konas?
*Christian Riviére, or., Francio*

Kaj tre certe Roger Bernard estis pli inda je tiu ricevo, al iu ajn el niaj ministroj pri nacia **neinstruado**.
*Andre Cherpillod, or., La Gazeto, 72 (okt. 1997), p. 15*

... kaj inteligentuloj interkomunikadas per sekreta kodo, la scio, kies ĉifrojn la **neinteligentulo** ne kapablas elliterumi.
*Eugene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 59 (jan. 1995), p. 3*

Wergeland estis vera filo de la franca revolucio, kaj senripoze tra sia tuta mallonga vivo li luktis por tiuj kiuj suferis pro **nejusteco**.
*E.A.Haugen, or., Norda Prismo, 1962, 2, p. 50*

La pramisto senspira pro kurado kaj vokado, unue **nekapablis** frazi ion, sed post momento li rekomencis...
*Tom Fraser, or., Skotlando, Norda Prismo, 1955, 4, p. 199*

Ĉu vi opinias tian aferon imagebla? Parolu al mi **netime** kaj **nekaŝe**.
– Nekaŝe pensas mi, Siro, ke vi elrevigos ilin.
*Marie-France Conde Rey, el la franca, Femina, 4, 2005, p. 20*

Bona mondo bezonas sciojn, afablecon, kompaton kaj kuraĝon, **nekatenitajn** per vortoj eldiritaj de scienculoj (aŭ eĉ de saĝuloj) de antaŭ multaj jarcentoj.
*W.H. Simcock, or., Anglio, Monato, 2002, 1, p. 6*

La paletro ankaŭ ekstreme simpliĝis: krom tri **nekolorojn** (nigran, blankan kaj grizan) li povis uzi nur tri kolorojn bazajn (flavan, ruĝan kaj bluan). Iuj ajn miksaĵoj estis malpermesitaj.
*Radoslaw Nowakowski, or., Pollando, Literatura Foiro, 222 (aŭg. 2006), p. 193*

La imperiestro permane ŝirmante siajn okulojn, kliniĝis por rigardi la foran boaton de Vang-Fo, kiu estis jam neperceptebla punkto en la krepuska **nekoloreco**.
*Marguerite Yourcenar, el la franca, La KromKancerKliniko, 19 (okt.-dec. 2004), p. 13*

Li fariĝos ribelulo malgraŭ sia volo, pro laboro de lia **nekonscio** en ebria stato.
*Eugene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 122 (jan. 2006), p. 6*

Tamen ni ankaŭ alfrontas multajn problemojn urĝe solvendajn... la teruraj tertremoj, la tajfunoj, la tromboj restas katastrofoj **nekontraŭrimedeblaj**...
*Li Shijun, or., Ĉinio, Esperanto, 2002, 11, p. 222*

Puebla estas grandioza urbo, je maniero trankvila, **nekria**. Strange: tiom da fojoj –

pli ol dek – mi jam trapasis la urbon sen koni ĝiajn belejojn.
*Peter Browne, or., Usono, La Gazeto, 109 (dec. 2003), p. 15*

En Torino (Piemonto, Italio) troviĝas relikvo unika en la mondo. Eĉ la **ne-kristanoj** ne povas rifuzi, ke Jesuo...
*Andre Cherpillod, or., La Gazeto, 67 (dec. 1996), p. 15*

Paracelso transprenis el tiu ĉi metodo... La kaŭzon de la malsano li vidis en sen-validigo de la ekvilibro, en **nekuntaŭgo** de la korpo, animo kaj spirito.
*Jana Cichová, el la ĉeĥa, La Gazeto, 125 (jun. 2006), p. 35*

Ĉar oni retrovas tie ĉi denove la faman "Episkopo", prezentatan unuafoje en "Tena". Oni ne povas **nelegi** ĉi tiun majstroverkon.
*Manuel de Seabra, or., Portugalio – Katalunio, La Kancerkliniko, 105 (jan.-mar. 2002), p. 14*

Li estas dumviva **neleganto** de "Eventoj"...
*La Espero el Koreio, 1994, 5, p. 12*

... unu revuo eĉ presigis francajn versiojn por montri kion perdas **nelegantoj** de l' irlanda!
*Kris Long, or., Literatura Foiro, 173 (jun. 1998), p. 154*

Ŝia longa hararo estis **neligita** kaj ĝis fino estis kuspita, kiun bantis ruĝa silkrubando.
*Miyamoto Masao, el la japana, Ihara Saikaku, Kvin virinoj de amoro, eld. Pirato, Oosaka, 1966, Japanio, p. 64*

... ke Esperanto postvivis sian iniciatinton ne pro struktura perfekteco, sed pro ekzisto de komunumo, kiu ligis al la lingvo **ne-lingvajn** idealojn.
*Renato Corsetti, or., Italio, der esperantist, 1986, 1, p. 4*

Li, nome, ofte kaj sukcese aranĝis strikojn per **nemanĝado.**
*Gerhard Ziegler, el la hebrea, Efraim Kiŝon, Elektitaj satiroj, Bleicher eld., Stutt-gart, 1981, p. 80*

Post la jaro-ciferoj oni komencas **ne meti** la vorton "jaro(j)". [nemeti, laŭ AG]
*Detlev Blanke, or., Germanio, der esperantist*

Ĉu vere mia estas kaptita en la karcero de mia haŭto, kaj ĉio ekster estas **ne-mi**.
*Albert Goodher, or., Survoje, 16 (dec. 1993), p. 7*

Mi ne komprenas mildan luddismon de Gonĉarov. Eble ĝi fontas de generacia kialo, se vi permesas al mi diri tion **nemoke** sed sincere.
*Federico Gobbo, Italio, La Gazeto, 111 (mar. 2004), p. 9*

Jen foje ŝi ekkaŭris antaŭ la telerŝranko por depreni pladon kaj tiam devis fronti tiun malfacilaĵon: kiel, en tiu pozo, **nemontri** tro intiman parton de ŝia alloga korpo.
*Serĝo Elgo, or., Fonto, 275 (11, 2003), p. 8*

Kiam S.K.Csoma komencis siajn Tibetajn esplorojn, la Eŭropa scienco sciis pre-skaŭ nenion pri la vivo, lingvo, literaturo de la mistera, de montgigantoj ŝirmata

Mez-Azia lando. La **ne-multo**, kion Eŭropo sciis tiutempe pri Tibeto, estis dankinda al la romkatolikaj misiistoj...
*E.Fenyvesi, el la hungara, F.Szilágyi, La vivo de Sándor Körösi Csoma, HEA, Budapest, 1984, p. 87*

Harii Harrison kaj Bill Auld: du eminentuloj **ne Nobele** premiitaj.
*or., Rusio, La Ondo de Esperanto, 1998, 10, p. 3*

"Oficiala", "ne-oficiala"? [subtitolo]
Kiam oni parolas pri "vortoj oficialaj" kaj "vortoj **neoficialaj**", tio vere povas ŝajni vana ludo. ...
La problemo estas laŭ mi la esprimoj "oficiala" kaj "**ne-oficiala**". Ili estas tradiciaj, sed... [Plu en la teksto la aŭtoro (membro de E-Akademio) uzas nur la vorton "neoficiala"]
*Bertilo Wennergren, or., Svedio, La Ondo de Esperanto, 2007, 6, p. 13*

Ni nordlandanoj alvenis vintropalaj, sed post du semajnoj sub la Himalaja suno ni fariĝis, se ne tute brunaj, tamen iom **ne-palaj**.
*Sakari Kauppinen, or., Finnlando, Esperanto, 2000, 4, p. 69*

Junuloj kaj **neplujunuloj** (ĉapitreto kun tiu titolo)
Jam la malnovaj grekaj kaj ĉinaj filozofoj okupiĝis pri la demando de juneco kaj maljuneco.
*Ulla Luin, or., Svedio, Esperanto, 2004, 9, p. 171*

Sabatmatene okazis promenado tra la arbaro kaj erikejo ĉirkaŭ la feriejo. **Ne-promenantoj** faris lingvajn ludojn sub gvido de Mies Dee.
*Hans ten Hagen, or., La Ondo de Esperanto, 2001, 11, p. 9*

Tia lingvoludado kondukas laŭ malfacila sed miriga vojo preter **Nepurlango** al Bellangujo, tra minacaj minaĉoj kie oni trovas ŝtonan vort-ercon...
*E. James Lieberman, or., Usono, Esperanto, 1987, 11, p. 192*

Sed ve... krom la amatoraj, grandaj teatroj fakte maloftas. Plejparte gvidataj de fervora esperantisto, ili konsistas el artistoj ofte ne mem esperantistoj, kiuj laŭbezone parkeras tekston. Kelkfoje sukcese! Sed alifoje, eĉ se temas pri lertaj aktoroj, **ne-pensado** en la lingvo bremsas ilian ludon.
*Solen, or., Francio, Sennacieca Revuo, 119 (1991), p. 24*

Verŝu nun en amforon
**nepenton** kaj balzamon
flaru ĉe la vespero
aromojn de santalo.
*Giorgio Silfer, or., Italio – Svislando, Literatura Foiro, 167 (jun. 1997), p. 115*

La dancistoj tondrumis sur speciale muntita planko kontraŭ muziko tro lanta, kun paŝoj kiuj vide malpliiĝis ĝis preskaŭ **nepercepto** – sed la sono daŭris.
*Seán Osborne, or., Nederlando, Esperanto, 1993, 9, p. 152*

... en 1993 la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝinta Naciaro aprobis la rezolucion "La Normaj Reguloj pri la Egaligo de Oportunecoj por Personoj kun **Ne-povoj**". Spite

al tio, en Japanio aparta edukado ankoraŭ estas ordinara por blindaj kaj surdaj infanoj.
*Kikusima Kazuko, or., Japanio, Riveroj, 25 (aŭg. 1999), p. 17*

La inundo plue ŝvelis. La familiaj bestoj baraktis – kokoj flugis sur arbojn, anseroj naĝis laŭ la akvo; porkoj **naĝ-nepovaj** iam emerĝis iam subakviĝis – ili ankaŭ kriegis esperante ke oni ilin savu...
*Mao Zifu, el la ĉina, Riveroj, 1998, 22, p. 2*

En la poezio vi trovos speciale fortan emon al konkretigo de abstraktaj statoj – tiel ke eĉ ŝajne **nerakontaj** poemoj tamen enhavas siajn etajn dramaĵojn...
*Humphrey Tonkin, or., Anglio – Usono, Norda Prismo, 1968, 3-4, p. 152*

Tonkin tuŝas la eternan demandon: kiom da esperantistoj ekzistas? Sagace li ne respondas, sed proponas aliajn demandojn... Ĉi tiu **nerespondo** estas tute saĝa kaj scienca sinteno, kiu...
*Carlo Minnaja, or., Italio, La Ondo de Esperanto, 2007, 3, p. 16*

“Ĉio en ordo... Do, bone, dankon, ĝis la **nerevido**! denove post iom da serĉa rondirado...”
*K.Jakobo, or., La Gazeto, 78 (okt. 1998), p. 26*

Ankaŭ *La Dia Komedio* havas plurajn tradukojn kiuj servas kaj posedas **nesamajn** grupojn de legantoj. **Nesamaj** tradukoj havas tamen saman taskon: redoni la enhavon (kaj formon) de la originalo.
*Hu Guozhu, or., Ĉinio, La Gazeto, 120 (okt. 2005), p. 20*

Niaj fiaj gepatroj forlasis nin ambaŭ tiel, ke ni estis edukitaj sur malproksimaj lokoj, absolute **nesciaj** unu pri la ekzisto de la alia.
*S.Boniol, or., Fonto, 55 (apr. 1985), p. 10*

Aliflanke ili estis foje infane **nesciaj**: kiam blondigitaj haroj de la aŭtorino komencis malhelilĝi ĉe la radikoj post semajnoj da neglekto...
*Trevor Steele, or., Aŭstralio, La Gazeto, 86 (jan. 2000), p. 13*

...tiam lingvo de ni,
kiu kvazaŭ rojo, jen
sian belon **ne scia**,
*Valev Kruusalu, el la estona, Fonto, 183 (mar. 1996), p. 14*

Kaj ĉiuj ceteraj – sendepende de tio, kiom granda estas ilia racio – komencas turmentiĝi: ĉu...aŭ, kaj kvazaŭ por ili – nome por ili, – ununura konsolo estas pacigi la racion kun la atendata **nesciecco** tiel, kiel proponis la granda Blaise Pascal
*Dimitar Ĥaĝiev, el la bulgara, Literatura Foiro, 216 (aŭg. 2005), p. 200*

Intermite mi ŝoketiĝas pro tio, ke estas tiel kviete. Mi rigardas ĉirkaŭ mi kaj sentas min **nesekura**.
*Nils Utne, Norda Prismo, 1962, 2, p. 56*

Eblus longe daŭrigi tiun tipologiumadon, ĉar **ne-sekvo** de unu el tiuj du direktoj tute ne signifas malkvaliton: mi ekzemplu per “Adolesko” de Blazio Vaha, romano tre hungara kaj nur akcesore Esperanta.

*István Ertl, or., Hungario, Bulgara Esperantisto, 1990, 4, p. 26*

Li elprenis la kvar fotojn... Lipoj, nazoj, oreloj. Kiel ĉe mil aliaj vizaĝoj. Ĉe centmil, milionoj. Viroj, soldatoj, armitaj homoj, futuron-nevidantoj, **ne-sentantoj**.
*István Nemere, or., Hungario, La monto, HEA, Budapest, 1984, p. 103*

Trafe renkontiĝis Jaco kaj mi sur la koridoro. Post nia akorda ago aŭdiĝis **nesilentoj** el la du vid-al-vidaj ĉambroj.
*Mao Zifu, or., Ĉinio, Riveroj, 24 (maj. 1999), p. 20*

... la Budapeŝta Teknika Universitato akceptis en sian studobjektaron – inter la libere akcepteblaj **neteknikaj** objektoj – la lingvon esperanto.
*Ottó Haszpra, or., Hungario, La Ondo de Esperanto, 1998, 8-9, p. 6*

Blum, blum, blum.
Harpo. Dia instrumento. Kia karesa **netera** sono...
*Henrikas Vaitkevičius, el la litova, Litova Stelo, 1995, 3, p. 28*

Impresas ofte la senceremonia, simpla rakontmaniero, **ne-timo** deteniĝi, se aŭtoro deteniĝemas (kiel oni parolas konversaciante)...
*Blazio Vaha, or., Hungario, La Gazeto, 65 (jun. 1996), p. 28*

Por ili mezaĝaj kaj el **netronovaj** tradicio kaj moro, eĉ kiso profunda kaj kareso antaŭ la paroksismo estis tute freŝaj, indaj praktiki.
*Mao Zifu, or., Ĉinio, La Kancerkliniko, 80 (okt.-dec. 1996), p. 7*

Ni klopodis publike ligi la reziston kontraŭ la nuna lingva genocido, kiun suferas multaj indiĝenaj lingvoj kaj kulturoj, kun la aspiro al lingva egaleco tradicie subtenata almenaŭ de la **neumbilikismaj** segmentoj de la E-Movado.
*José Antonio Vergara, or., La Ondo de Esperanto, 2005, 3, p. 5*

Resume, nia kara Giorgio ne povos digesti, ke nuntempe, aparte de geniaj figuroj kiel la aŭstraliano Trevor Steele, la du nuntempaj fokusoj de **ne-unuopa** verkado en esperanto troviĝas en Britujo (novparnasistoj: Tim Carr kaj Krys Ungar) kaj Iberujo, kaj ke, se li daŭrigos sian megalomanian kaj umbilikisman karieron, li restos en historio de nia beletro kiel verkema kurioza mediokrulo ...
*Georgo Kamaĉo, or., Hispanio, La Kancerkliniko, 71 (jul.-sep. 1994), p. 26*

... en la domo de mia filo estas loko ankaŭ por **neutilaĵoj**.
*Eúgene de Zilah, or., Hungario – Francio, La Gazeto, 104 (jan. 2003), p. 3*

Babilado, ĉu parola, ĉu skriba, konsistas en **neversa** (kaj ja malpoezia!) lingvo – uzo karakterizita de iu senziorgeco...
*Edwin de Kock, or., Sud-Afriko, Norda Prismo, 1962, 1, p. 26*

... kaj la veturiloj ekkuris plej rapide tra difektitaj vojoj kaj **nevojoj**.
*Miyamoto Masao, or., Japanio, Naskitaj sur la ruino Okinava, 1976, Japanio, p. 14*

***elnotis Anatolo Gonĉarov (Krasnojarsk)***

## EN LA LANDO DE ĈIAMA SOMERO

***Okaze de la Unua E-Kongreso en Indonezio (5-8.04.2013)***

Ne hazarde mi elektis Indonezion por la vica malkovro de Azio, mondoparto, kiu pro diversaj kialoj altiras pli kaj pli. Indonezio estas lando de varia pejzaĝo, tutjare varma klimato (rusianoj kaj alilandanoj, kiuj spertas malvarmajn vintrojn pli longe, ol somerojn, bone komprenas min), eksterordinaraj flaŭro kaj faŭno, amaso da gentoj kaj kulturoj, lando plena je mondsignifaj historiaj monumentoj. Tamen ne nur ekzotikeco logis min al Indonezio, sed ankaŭ emo helpi al lokaj geesperantistoj integri kaj disvastigi la Internacian Lingvon en socian kaj kulturan vivon.

Ankoraŭ en 2010 mi intencis vojaĝi al Indonezio, tamen mia unua "invado" efektiviĝis nur sekvajare, somere 2011. Laŭ la plano, kompilita de indoneziaj geesperantistoj sub gvido de Ilia Sondang Dewi, mi instruis en 5 urboj de la insuloj Javo kaj Sumatro (Bandung, Yogyakarta, Malang, Ĝakarto, Medan).

Unuavide, Indonezio kaj ĝia popolo mirigas per sia afableco, malkaŝemo kaj gastigemo. Indonezianoj ridetas konstante. Tiuj ĉi ridetoj estas sinceraj kaj tutkoraj, al kiuj oni rapide alkutimiĝas. Infektite de la ĝenerala atmosfero mia animo ankaŭ komencis konstante rideti. Certe, rideto tre faciligas interkomprenon, precipe se oni ne havas komunan lingvon... Vojaĝante tra Indonezio, lando kun pli ol 240 milionoj da enloĝantoj, mi havis okazon veturi enurbe per luksaj taksioj kaj tre primitivaj minibusoj ("tuk-tuk"), per interurbaj malrapidegaj trajnoj kaj komfortaj aŭtobusoj, interinsule per pramoj kaj modernaj aviadiloj. Iuj momentoj estis novaj kaj nekutimaj, sed ĉiufoje tre interesaj. La kvarsemajna restado ebligis al mi konatiĝi kun multaj indonezianoj kaj iliaj familianoj, iom kompreni ilian kulturon kaj vivmanieron.



Bandung estis la unua urbo, al kiu mi veturis buse akompane de Desmond S. Andrian, oficisto de la Muzeo de Azia-Afrika Konferenco, respondeciulo pri E-kurso. Ĝuste tie, en la Muzeo, atendis min la plej granda grupo de E-lernantoj. Dutaga (de mateno ĝis vespero) E-kurso estis ege intensa. Subtene de la estro de la Muzeo 30 gejunuloj eklernis Esperanton. Mi devis instrui rektametode, ĉar mankis Esperanto-parolantoj en la urbo. Malgraŭ kurta restado en Bandung la organizantoj de la E-kurso trovis eblecon la lastan vesperon veturigi min al belega koncerto de nacia muziko kaj danco kaj montris al mi iom jam noktiĝintan urbon.




Post Bandung mi vojis trajne al la urbo Yagyakarta situanta en centra Javo, pli ol 400 km sud-okcidente de la ĉefurbo. En ĝiaj ĉirkaŭaĵoj eblas admiri grandegajn kaj komplikajn de arkitektura vidpunkto templojn: budhisman stupaon Borobodur nomatan "monaĥejo sur monto" aŭ "templo de mil Budhoj" (778 – 856 j.) kaj hinduisman templan komplekson Lara-Ĝongrang ("svelta virgulino") en Prambanan finkonstruitan en komenco de la 10-a jarcento. La temploj estas gravaj arkitekturaj vidindaĵoj de Indonezio, metitaj en la liston de Tutmonda heredaĵo de Unesko. Al ili ambaŭ mi veturis per motorciklo, kiun lerte, tamen atenteme, stiris Yohanes Manhitu. Profesia tradukisto, li esperantiĝis antaŭ pli ol 10 jaroj. Nun bonstile kaj korekte parolanta Esperanton Yohanes ŝatas E-poeziumi. Dank' al klarigoj de Yohanes mi pli bone komencis kompreni la multfacetan kulturon de la lando.

Tiujn vizitojn ni faris antaŭtagmeze, ĉar E-lecionoj povis okazi nur vespere pro dumtaga laboro de kursanoj. Kunvenante en la hejmo de loka loloka loĝanto Tomi Aditama (Tomi eksciis pri Esperanto de sia kolego, kiu praktikis siatempe Yumeiho-terapion en Japanio) ĉirkaŭ 10-persona grupo, precipe junuloj, sidante surtapiŝe lernis Esperanton helpe de mia komputila prezentado.

Nokta busveturo al Malang, urbo en orienta parto de Javo, estis agrabla pro komforteco de la buso kaj pro atentemo de la ŝoforo, kiu per gestoj, iom amuze, sed afable direktis min al manĝejo dum noktomeza halto: simpla manĝo estis inkluzivita en prezon de la busbileto. Frumatene en Malang atendis min ĉe la bushaltejo loka esperantistino Mega Karisma Verina, 20-jara studentino de germanlingva fako de unu el lokaj universitatoj. Ŝi per sia motorciklo sukcesis veturigi min kaj mian valizon (!!!) al sia hejmo. La postajn 3 tagojn en la sama hejmo kunvenadis gestudentoj de la universitato, kie studas Mega, por miaj E-lecionoj. Mega pretigis por la kurso malgrandan E-etikedon.

Ĝakarton mi alflugis vespere. En la flughaveno min renkontis respondeculo pri internacia agado de la Gunadarma-Universitato. Sekvatage mi konatiĝis kun vicrektoro de la universitato s-ro Ravi A. Salim, jam E-parolanta, kiu aktive kaj efektive subtenis okazigon de la E-kurso por instruistoj kaj studentoj de la universitato. La klasĉambro, en kiu okazis E-lecionoj, estis bone ekipita per teknikaĵoj. La kurson ĉeestis iom pli ol 15 diversaĝaj personoj, instruistoj kaj studentoj.

En Indonezio ĉirkaŭ 90% da la homoj estas islamanoj, tial la lando estas kon-

siderata kiel la plej granda muzulmana ŝtato de la mondo. En Indonezio abundas moskeoj, troviĝantaj ofte en ĉiu urba kvartalo, kiuj per laŭtigiloj regule kaj preskaŭ ĉiam samtempe vokas siajn paroĥanojn al "namaz" (preĝoj). Muzulmanaj virinoj kaj junulinoj ne forlasas siajn hejmojn kun la kapoj, ne kovritaj per "ĥidĵab". Unu el la plej grandaj moskeoj en la mondo Istiklalj situas en la centro de Ĝakarto, kiun mi trarigardis gvide de loka oficisto: mia akompananto, loka esperantisto Haris Abnan, tiumomente profitis la okazon por preĝi. Ne mankis ankaŭ aliaj vizitoj al vidindaĵoj, inter kiuj pli impresis subĉiela vastterena muzeo-ekspozicio pri Indonezio en miniaturo.

La vica flugo tra la ekvatoro direktis min al Medan, urbo en norda parto de la insulo Sumatro, kiu estas la kvina laŭ grandeco insulo de la mondo. E-lecionoj, pri kiuj zorgis la 19-jara studento Reza Pahlevi, okazis laŭvice en hejmoj de lokaj gestudentoj. Entute la kurson partoprenis 14 gejunuloj (dugrupe). Ne mankis interesaj eventoj dum mia restado. Ekzemple, sekvindan, laŭ mi, akcion entreprenis studentoj, samuniversitatanoj de Reza, la 17-an de aŭgusto, la Tagon de Sendependeco (dum 300 jaroj Indonezio estis kolonio de Nederlando kaj sendependiĝis en 1945): kolektinte monon (mi ankaŭ aldonis certan sumon) kaj aĉetinte multajn saketojn kun bazaj manĝoj ili veturis tra la urbo per ĉirkaŭ 20 motorcikloj kaj disdonadis la saketojn al senhejmuloj aŭ al maljunaj povruloj. Vespere en universitata urbeto, en la hejmo de unu el organizantoj de la akcio oni komune manĝis, multe parolis kaj gaje ridis: agrabla juna kompanio!

Do, inter personoj, kiujn mi renkontis kaj al kiuj mi instruis Esperanton, troviĝis certaj homoj, kiuj vere ekinteresiĝis pri la lingvo kaj kiuj kapablis ĝin ellerni. Tamen en Indonezio tre malmultis ankoraŭ bonaj E-parolantoj ne nur pro manko de veraj E-instruistoj (pli ĝuste instruantoj), sed ankaŭ pro duma foresto de entuziasmuloj, kiuj povus ekgvidi la renaskiĝantan E-movadon.

Mi revenis al Indonezio januaron 2013. La partopreno de kelkaj indonezianoj



en UK kaj IJK en Vjetnamio plivigligis kaj hardigis ilin kiel verajn E-agantojn. Tiam, dumkongrese, kelkaj geesperantistoj insiste petis min denove veni al Indonezio por E-instruado. Pluse, instigis min por nova E-invado al la insularo tio, ke pli ol duono de la indoneziaj kongresanoj estis miaj gelernantoj el Ĝakarto kaj Bandung. Do, ĉi-foje mi havis jam malpli da komunikproblemoj: en ĉiuj tri loĝlokoj, kiujn mi vizitis (Ĝakarto, Bandung kaj insulo Batam) jam aperis geesperantistoj, kiuj relative bone parolas la internacian lingvon kaj komencis mem instrui. Tamen necesis helpi al ili perfektiĝi en E-scioj, klarigi instrumanierojn kaj metodojn, lanĉi instruadon en novformitaj E-grupoj.

Jam aŭtune 2012 mi komencis kompili planon de ĉi vojaĝo. Geesperantistoj el Bandung kaj Batam, kun kiuj mi konstante retkontaktis, daŭre esprimis deziron organizi novajn E-kursojn. Tamen mi deziris instrui ankaŭ en Ĝakarto. Bedaŭrinde, reeĥis nur reprezentantoj de Gunadarma-Universitato (Ĝakarto/Depok). La plano de la vojaĝo estis afiŝita en la koncerna retpaĝo de Facebook.



En la Gunadarma-Universitato E-kurson por komencantoj organizis jam konataj al mi la vicrektoro pri scienco de la universitato s-ro Ravi Ahmad Salim kaj la juna instruistino Hera Agustina. La E-kurson por komencantoj partoprenis ĝis 10 personoj (gestudentoj kaj geinstruistoj). La kurson por progresantoj (sabatan antaŭtagmezon) partoprenis ĝis 15 personoj, kelkaj el ili – miaj gelernantoj de 2011.

La unuan dimanĉon de mia restado Hera proponas viziti malnovan centron de la indonezia ĉefurbo. Ni preterlasas kelkajn plenŝtopitajn apudurbajn elektrotrajnojn, en kiuj la homoj pendas je piedbretoj kaj eĉ sidas sur tegmentoj de vagonoj. (NB. Necesas mencii, ke en certaj trajnoj ekzistas vagonoj nur por virinoj: en simila vagono ni veturis revene.) Atinginte la placon Taman Fatahila, ĉirkaŭitan de malnovaj konstruaĵoj, ni vizitas du muzeojn situantajn unu apud la alia: historian kaj pupan. La lasta impresas per aro de pupoj de diversaj popoloj, inter kiuj elstaras indoneziaj Vajang-oj, multnombraj kaj diverskoloraj. En la t.n. la nova centro de la urbo, la placo de Libereco, altas la 132-metra Nacia monumento Monas, giganta konstruaĵo simbolanta potencon kaj nacian sendependecon. Interne de ĝi troviĝas nacia muzeo de Indonezio kun unikaj historiaj kaj entologiaj kolektoj. Ekster limoj de la historia kaj la afera centroj la urbo aspektas iom triste: multas malriĉaj kvartaloj, malpureco, malfermitaj defluigaj kanaletoj, sufoka atmosfero ktp. Tial kutime

oni ne rekomendas al eksterlandaj turistoj viziti periferiajn kvartalojn.

En la urbo Bandung, 3 horojn buse sud-okcidente de Ĝakarto, mi instruis en du lokoj:

1) en Pasundan-universitato, en la fakultato pri internaciaj rilatoj kaj politiko. La enkondukan prelegon pri Esperanto helpe de *PowerPoint*-prezentado (tradukon al la indonezia lingvo efektivigis studento de la fakultato, mia E-lernanto, Iyan Septiyna) partoprenis ankaŭ dekano kaj respondeciuloj de la fakultato. La estraro de la fakultato tre favore rilatas al E-lernado de siaj gestudentoj kaj esperas je daŭra E-kurso. La E-kurson por komencantoj/nululoj dum 2 tagoj de la 9-a ĝis la 17-a horo sekvis ĝis 45 gestudentoj.

2) en la Muzeo de Afrika-Azia Konferenco dum 2 tagoj okazis E-kurso por progresantoj. La E-kurson en la Muzeo gvidas alia mia E-lernanto de 2011 Fadil Poeta, jam sufiche bone reganta la lingvon 26-jara serioza junulo, filmisto laŭ sia profesio. La duan tagon posttagmeze okazis kunveno, kiun ĉeestis kelkaj gejunuloj-aktivuloj de la Muzeo kaj dum kiu estis traktitaj certaj aspektoj de E-instruado kaj de E-aktivado. Ĝojige, ke ĝuste ĉi tie en 2011 formiĝis kerno de junaj E-aktivuloj, kiuj strebas integri Esperanton en laboron de la Muzeo.

Notindas, ke la Muzeo funkcias sub aŭspicio de la Ministerio pri eksterlandaj aferoj kaj ĝiaj oficialuloj s-ro Desmond S. Andrian, la respondeculo pri E-aktivado, kaj la novpostenita estro de la Muzeo s-ro Thomas Siregar forte subtenas E-instruadon kaj E-lernadon.

Dimanĉon antaŭ mia forveturo el Bandung estraro de la Muzeo organizis por mi peraŭtan ekskurson al la montara lago Situpatenngang kun akompano de 4-opo de miaj gelernantoj. Tamen vetero ne tre favoris al promeno: pluvis kaj malvarmetis. Eble oni dubos, sed ĉeekvatore mi vere spertis fizikan malkomforton en la Bandung-regiono pro ĝia relative alta situo super la marnivelo. Ĉe la lago, ĉirkaŭ kiu ni longe promenis, blovis sufiĉe forta vento. En loka bazaro ni renkontis virinon, kiu estis vestita en peltmantelo: similajn oni surmetas dumvintre en Rusio! Nekredeble! Revenante ni haltis por tagmanĝi en ĉeranda manĝejo, siaspeca restoracieto, en kiu oni povas manĝi ĉetable aŭ surplanke, surtapiŝe, trinki sukon el fragoj kolektitaj en apuda ĝardeneto.

En la insulo Batam (norda Indonezio, proksime al Singapuro, fluge 1 h. 40 min. de Bandung), unu el ĉirkaŭ 20 mil insuloj de la lando, E-kursoj por komencantoj okazis en 2 lokoj tri fojojn tage: por gejunuloj en la protestanta preĝejo kaj en la Riau Kepulauan-universitato (Unrika) por oficistoj kaj instruistoj (sume ĝis 50 personoj). Vera surprizo atendis min ĉe enirejo de Unrika: supre pendigita blanka rubando kun mia nomo el verdaj literoj salutis min! La tagon de mia alveno mi unue informis universitatanojn pri Esperanto pere de komputila prezentado kaj helpe de traduko de loka esperantistino Sabrina Liar Knight. Sekvis demandoj kaj sekvataga E-kurso. La kurso por progresantoj ne okazis, ĉar ili fakte mankas en Batam. Aldone okazis ankaŭ duhora E-instruado por infanoj en la lernejo, kie direktoras kaj instruas Sabrina. Bonŝance Sabrina stiras motorciklon, tial ni senprobleme veturis tra la insulo de unu loko al alia, de unu E-kurso al alia kelkfoje dumtage. La lastan tagon Sabrina montris al mi la urbon/insulon. Ni promenis sub var-

mega suno ankaŭ laŭ marbordo , de kiu videblas ĉiuhore navigantaj ŝipetoj: ja tuj post monteto troviĝas Singapuro...



Konklude mi povas diri, ke entute la vojaĝo al Indonezio estis sukcesa. La organizantoj de E-kursoj serioze kaj respondece prepariĝis: en ĉiuj lokoj eblis uzi komputilojn, projekciilojn, ekranojn dum instruhoroj, estis organizitaj renkontiĝoj kun oficialaj reprezentantoj de universitatoj kaj estis kunvenigita sufiĉa kvanto da gejunuloj, kiuj sekvis E-kursojn.

Tamen lokaj geesperantistoj daŭre bezonas lingvan spertiĝon kaj diversflankan subtenon. Mi ege esperas, ke okazinta aprile la unua E-kongreso (nenia E-organizo ekzistis en Indonezio depost 1965) estis fruktodona kaj iĝis signifa puŝo por daŭrigo de E-lernado kaj aktivado, evoluigo de organizata E-movado. Tion mi forte deziras al nunaj kaj estontaj indoneziaj geesperantistoj!

***Tatjana Loskutova (Ivanovo)***

## LILLO GASTIGOS LA 100-an UK EN 2015

La nordfrancia urbo Lillo (Lille) gastigos la 100-an Universalan Kongreson de Esperanto en la jaro 2015. La Estraro de UEA decidis pri la loko de la jubilea UK en la lasta tago de sia kunveno, kiu okazis de la 22-a ĝis la 24-a de marto en la Centra Oficejo de UEA en Roterdamo. Inviton pri la okazigo de la 100-a UK en Lillo faris Unuiĝo Franca por Esperanto.

Lillo estas la ĉefurbo de la regiono, en kiu situas ankaŭ Bulonjo-ĉe-Maro. La urbo de la unua UK tamen ne havas la necesajn kondiĉojn por konsiderinde pli granda kaj ankaŭ laŭ sia programo alispeca evento ol tiu en 1905, dum la kongresejo Lille Grand Palais en la regiona ĉefurbo fariĝis populara ejo de plej diversaj grandaj kongresoj, foiroj kaj aliaj eventoj. Tamen dum la 100-a UK okazos tuttaga ekskurso al la proksima Bulonjo-ĉe-Maro.

Universala Kongreso de Esperanto estas unu el la plej longedaŭraj kongresaj tradicioj en la mondo. Kvankam tiu tradicio komenciĝis en 1905 kaj do estos jam 110-jara en 2015, la jubilea UK en Lillo portos la numeron 100, ĉar dum la Unua kaj Dua Mondmilitoj UK ne povis okazi. La 100-an datrevenon de la unua UK oni festis per la 90-a UK en la litovia ĉefurbo Vilno en 2005.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# Bulteno de REU

**№75**. Kompilas kaj redaktas Grigorij Arosev (rete: arosev@gmail.com)

## PROTOKOLO DE LA 27-A KONFERENCO DE RUSIA ESPERANTISTA UNIO

*Moskvo, la 13-an – 14-an de aprilo 2013*

### *La unua kunveno – 13.04.*

Viktor Arolovič (VA) voĉlegas rezultojn de la registrado de partoprenantoj: 24 registritaj ĉeestantaj membroj plus 1 distanca.
Grigorij Arosev (GA), la Prezidanto de REU, ĉeestas, do laŭ la Ĝenerala Regularo li prezidas la kunvenon.

La kalkulan komisionon eniras Roman Bolŝakov (RB), Irina L. Mironova, Aleksandr Milner. Ĉiuj estas por.

La proponata tagordo estas:

*La unua tago*
1. Raportoj de la estraranoj.
2. Diskutado pri la nuna stato de E-movado en Rusio, eventuala ellaboro de agad-programo por la estonto.
*La dua tago*
1. Raporto de la Kontrol-revizia Komisiono (KRK); informado pri la financa stato de REU.
2. Elektoj.

Valentin Seguru (VS) proponas aldonon: jam en la unua tago listigi eventualajn kandidatojn por la estraraj postenoj.
VA proponas aldonon: "Diversaĵoj".

Por la tagordo kun la menciitaj aldonoj: ĉiuj estas por.

### Raporto

GA rakontas pri la ĝenerala stato de REU, menciante problemon de manko de homaj fortoj por agado, kaj konfesas, ke faris malmultan "strategian" laboron, ĉar devis plenumi abundajn teknikajn taskojn – registradi membrojn, respondi kurantajn retleterojn, plenumi petojn de regionaj aktivuloj. GA aparte mencias okazintan decembre de 2011 neatenditan rifuzon de Georgij Kokolija (GK) esti Komisiito de REU pri retlistoj <reu-agado> kaj <esperanto-rus-informoj> – tasko, kiun li reakceptis malpli ol du monatojn pli frue dum la antaŭa REU-Konferenco. Samtempe GK rifuzis okupiĝi pri kompilado de Bulteno de REU, argumentinte ke tion dum pluraj jaroj devus fari Jurij Karcev (JK), sed ne faris. GA devis transpreni ambaŭ taskojn de GK. Laŭ GA, dum lastaj jaroj REU servis kiel centro de modesta financa subteno de regionaj iniciatoj kaj aktivecoj. Tiu vojo estas perspektiva kaj plu

sekvinda. Fine GA dankas ĉiujn kunlaborintojn kaj helpintojn.

Estrarano Svetlana Smetanina (SS) rakontas pri okazigo de du KER-sesioj en Rusio. Ambaŭ pasis plene sukcese.

GA voĉlegas partojn el la raporto de Arina Osipova, estrarano pri regiona kaj kluba agado. Estas prezentata laŭurba statistiko: en kiom da urboj estas E-kluboj, okazas E-kursoj ktp.

Irina Gonĉarova (IG) koncize parolas pri sia klubo, kiu fariĝis asocio, kaj transdonas la parolon al Julija Samsonova (JS), kiu detale raportas pri la agado de la asocio.

Moisej Bronŝtejn (MB), distanca partoprenanto, replike rakontas pri la agado en Tiĥvin kaj faras kelkajn proponojn.

Nikolaj Gudskov (NG) proponas omaĝi la lastatempajn forpasintojn kaj subteni kelkajn utilajn inciatojn, ekzemple Enciklopedion de Rusia E-movado.

GA proponas <u>*akcepti la raporton kaj taksi la laboron de la Estraro kontentiga*</u>.
Aldono de IG: nepre kompletigi la parton pri la regiona kaj kluba agado, ĉar tie ĉefe troviĝas informoj pri Urala kaj Siberia regionoj, sed mankas informoj pri ĉio cetera.
Voĉdono: por 21, kontraŭ 1, sindetenoj 2.

Raportoj de komisiitoj ne okazis.
VA, komisiito pri dokumentado, ne raportas pro manko de amendoj por Ĝenerala Regularo aŭ aliaj dokumentoj.
GK, eksiĝinta komisiito pri retlistoj, ne ĉeestas la Konferencon.
Miĥail Ĉertilov (MĈ), komisiito pri interreta agado, mencias sian retejon <LibroEsperanta.ru>, kie li interalie vendas librojn, apartenantajn al REU.
VS, komisiito pri eternigo de la memoro de Ludoviko Lazaro Zamenhof en Moskvo, ne raportas, ĉar li opinias sian pli fruan elektiĝon "eraro".

**Diskutado**

GA ripetas, ke REU povas esti centro de subteno de surlokaj aktivaĵoj.
MĈ demandas kaj poste parolas pri graveco de la oficiala statuso de REU. REU celu reale esti socia organizaĵo, reprezenti E-on, kion REU ne faras.
RB aliĝas al la vortoj de MĈ kaj diras ke REU bezonas pli da homoj por fari sian laboron – teamon de komisiitoj, kiu laboros longe.
Ivan Kitajkin diras, ke nur per entuziasmo oni ne povas atingi tion kion ni planas, kaj emfazas ke necesas perlabori monon.
NG konsentas, ke devas esti multa oficiala laboro kaj memorigas, ke pli frue la Estraro konstante okupiĝis pri formalaĵoj. NG opinias, ke pli frue estis ideala skemo, kiam samtempe funkciis teknika Estraro kaj aktivularo (tiam nomata "Konsilio"). Laŭ NG la plej granda eraro estis perdo de oficialaj kontaktoj kun la Ministerio de justico.
JK diras, ke ni havas nian juran statuson nur dum la ŝtato ne rimarkas nin. Se ni

faros ion malbonan, la ŝtato tuj trovos multajn leĝorompojn. Laŭ JK povas ŝajni, ke la ĉefa celo de REU estas konservi sian juran statuson.
VS proponas voĉdoni pri reveno al la pli frue ekzistanta sistemo – dividado de teknikaj taskoj (Estraro) kaj movadaj taskoj (Konsilio). Li demandas, kial post REK en Sankt-Peterburg (2010) ne estis granda kongreso en Rusio, kaj proponas, ke la sekvaj gvidantoj de REU estu nur virinoj.
GA memorigas, ke la Konsilio estis likvidita ĉar ĝi funkciis malbone – multaj ne laboris, aliaj interkonfliktis. Li klarigas, ke post la kongreso en 2010 okazis REK en Ĉeboksari (oktobro 2011), kiu ebligis partopreni movadan forumon al esperantistoj, loĝantaj en aliaj regionoj.
IG opinias, ke la skemo "Konsilio+Estraro" ne sukcesis en tiu formo, en kiu oni ideale vidis ĝin, sed la sistemo estas perfekta. IG demandas: se ne estas movado en la lando, kiu bezonas konsilion, kiu petus konsilon?
JS opinias, ke unu el celoj de REU devas esti allogo kaj reklamado de Esperanto por la ekstera publiko.
MĈ memorigas, ke en 2009 eksperimente oni elektis Konsilion kaj teknikan Estraron, ĉar neniu volis esti Prezidanto. En 2010 en SPb oni decidis ne daŭrigi la eksperimenton. Nun MĈ opinias necesa daŭrigi la antaŭan sperton.

**Listigo de aktivuloj**

VS proponas du kandidatojn por la prezida posteno: IG kaj SS.
GA atentigas, ke SS jam kandidatiĝis mem antaŭ unu semajno.

*Fino de la unua kunvena tago.*

***La dua kunveno – 14.04.***

VA raportas, ke aldoniĝis pliaj partoprenantoj de la Konferenco, sume registriĝis 29 ĉeestantaj kaj 5 distancaj konferencanoj.

**Raporto de KRK**

La ĉeestanta prezidanto de KRK Oleg Ciganov (OC) voĉlegas la raporton. Li emfazas bonan librotenadon kaj bedaŭras mankon de oficiala konto de REU.
MĈ atentigas, ke la konto pli frue ekzistis.
SS diras, ke plej verŝajne ĝi nun estas blokita pro neliverado de necesaj paperoj.
GA klarigas, ke li ne povis okupiĝi pri tio pro manko de necesaj informoj.

Propono: akcepti la raporton de KRK. Voĉdonado: 21 por, 2 sindetenoj.

GA rakontas pri ĝenerala financa stato de REU, menciante malplenan kason post REK en 2010. Krome laŭ li la decido doni al kluboj senpagan abonon de REGo estis erara, tio esence malbonigas la monan stabilecon de REU. GA prezentas kelkajn ciferojn, preparitajn de la REU-kasisto Natalja Ŝoroĥova, el kiuj sekvas, ke pli ol 60% de klubaj kotizoj iris por la abonoj de REGo. Krome rezulte de tio estiĝas tro akra diferenco inter pagataj kotizoj – iuj pagas 250 rublojn (individua membro) aŭ eĉ 500 (mecenatoj), sed averaĝa kluba kotizo rezulte iĝas ne 70 rubloj, sed 27 rubloj popersone. GA intencas proponi al la elektota Estraro ŝanĝi la regulon.

**Elektoj**

GA proponas ekdiskuti eventualan revenon al la sistemo "teknika Estraro + Konsilio de aktivaj esperantistoj".

NG opinias, ke restarigi la sistemon ni ne sukcesos, ĉar mankas preparlaboroj. Pli frue ekzistinta sistemo ne estis plej perfekta. Alternativo – fari dupartan Estraron: unu parto plenumas la plej gravajn aferojn, interalie tenos kontaktojn kun oficialaj instancoj. Kaj la alia parto, kiu ne estos tro granda, gvidos labordirektojn, aktivos surloke.

IG opinias, ke nia ĉefa strategio estu akirado de membroj kaj interesitoj. Pri gvidantoj kaj sistemo ni povus paroli poste. La diskutoj pri la sistemo ne estas aktualaj, sed la teknika flanko estas farenda.

VA proponas vortumon: komisii al la elektota Estraro aparte zorgi pri la teknika flanko de la agado.

NG diras, ke devas esti apartaj respondeculoj pri membroregistrado kaj ordigado de la rilatoj kun la instancoj.

JK opinias, ke ĉio dependas de motoro de la organizo, kiu kutime estas la Prezidanto. Se tiu povas organizi laboron, ĝi povos funkcii sen "du ĉambroj".

MĈ diras, ke nun ne temu pri revenigo de la Konsilio. Estis speciala Regularo pri la Konsilio, kiu ne estis perfekta. Oni planis, se ties laboro estus daŭrigita, fari ŝanĝojn, sed nun ne necesas diskuti pri tio. Laŭ MĈ krom la Prezidanto devas esti Vicprezidanto pri la teknikaj aferoj, kiu povas subskribi ankaŭ gravajn dokumentojn ktp. La Prezidanto povas zorgi pri aliaj aferoj, aŭ inverse.

SS diras, ke teknikan laboron devas/povas fari sekretario, kiun ni ne havis dum tiu periodo. Sed nun sekretario estas serĉenda.

RB opinias, ke necesas distribui teknikajn taskojn inter kelkaj estraranoj.

MĈ memorigas, ke la Estraro de REU rajtas dungi pagatan sekretarion, kaj ke siatempe li mem estis pagata sekretario de REU kaj ricevis salajron, kvankam tute simbolan.

IG ripetas, ke en la Estraro estu homo kiu respondecus pri pliigo de la membrokvanto.

GA proponas transiri al la elektoj mem.

SS konfirmas la kandidatiĝon kaj voĉlegas sian programon. Laŭ ŝi, la jura statuso ne estas plej grava afero. Gravas plifortigi REU nombre kaj mone. Granda atento estu al la regiona agado, oni devas pliaktivigi tiujn regionojn, kie mankas aktivado. Necesas pliintensigi instruan agadon – instrui kaj prepari diplomitajn instruistojn. Utilias lerni el spertoj de malgrandaj urboj, kie agas unuopaj aktivuloj. Laŭ SS reta aktivado estas bona, sed necesas unuigi aktivecon de utilaj retaj soluloj. Sed ne necesas forgesi tiujn, kiuj ne havas komputilon. Helpon bezonas REGo kaj la eldonejo "Impeto". Oni provu serĉi ejon, por ne ĉiufoje almozi lokon por kunvenoj. Necesas reveni al la temo pri memortabulo al Zamenhof kaj denove pripensi organizi UK aŭ aliajn variantojn allogi eksterlandanojn en nian landon.

JK konsentas esti dua kandidato, ĉar la Statuto postulas, ke la elekto de la Prezidanto estu alternativa.

Okazas sekreta voĉdono por la Prezidanto de REU.

La kalkula komisiono anoncas, ke estis disdonitaj 24 balotiloj, samtiom ricevitaj kaj samtiom validaj.
Inter tiuj por SS estas 20 voĉoj, por JK – 4.
Voĉoj de distancaj partoprenantoj: por SS estas 3 voĉoj, por JK – 0.
Fina rezulto: por SS estas 23 voĉoj, por JK – 4.
Sekve *Svetlana Smetanina estas elektita Prezidanto de REU.*
SS, kiu devus transpreni la gvidadon de la Konferenco, petas ke GA gvidu la kunvenon ĝis la fino. Neniu kontraŭas.

Por postenoj de Vicprezidantoj oni proponas tri kandidatojn: RB, VS, MĈ.
RB malkonsentas kandidatiĝi.
VS telefone konfirmis la deziron kandidatiĝi (pri movadaj aferoj).
MĈ ĉeeste konfirmas la deziron kandidatiĝi (pri administraj aferoj).

Okazas malferma voĉdono por Vicprezidantoj de REU. Distancaj konferencanoj partoprenas la voĉdonon.
Voĉoj por VS: por 19, kontraŭ 1, sindetenoj 5.
Voĉoj por MĈ: por 21, kontraŭ 0, sindetenoj 4.
Sekve *Valentin Seguru kaj Miĥail Ĉertilov estas elektitaj Vicprezidantoj de REU.*

Por postenoj de estraranoj oni proponas tri kandidatojn: RB – traktadoj kun oficialaj instancoj, NG – eldona agado, helpo al instrua agado, Nikolaj Nikulin (NN) – kluba kaj regiona agado.

Okazas malferma voĉdono por estraranoj de REU. Distancaj konferencanoj partoprenas la voĉdonon.
Voĉoj por RB: por 26, kontraŭ 0, sindetenoj 0 – li estas elektita.
Voĉoj por NG: por 24, kontraŭ 1, sindetenoj 1 – li estas elektita.
Voĉoj por NN: por 11, kontraŭ 1, sindetenoj 12 – li ne estas elektita.
Sekve *Roman Bolŝakov kaj Nikolaj Gudskov estas elektitaj estraranoj de REU.*

Por postenoj de Komisiitoj oni proponas: VA (Komisiito pri dokumentado) kaj Vladimir Minin (VM), kiu sin proponis por Komisiito pri retlistoj de REU.

Okazas malferma voĉdono por Komisiitoj de REU. Distancaj konferencanoj partoprenas la voĉdonon.
Voĉoj por VA: por 26, kontraŭ 0, sindetenoj 0. Sekve *Viktor Aroloviĉ estas elektita Komisiito.*
Voĉoj por VM: por 4, kontraŭ 9, sindetenoj 12. Sekve li ne estas elektita.
Kroma propono estas ke *la Estraro poste nomumu apartan komisiiton pri retlistoj*.
Voĉdono por tiu propono: por 25, kontraŭ 1, sindeteno 0. Sekve la propono estas akceptita.

Por la Kontrol-revizia komisiono de REU oni proponas: GA (prezidanto), JK, NN, OC.
Okazas malferma voĉdono por la prezidanto de KRK de REU. Distancaj konferen-

canoj partoprenas la voĉdonon.
Voĉoj por GA: por 22, kontraŭ 0, sindetenoj 3. Sekve li estas elektita.
Voĉoj por tri membroj de KRK – JK, NN, OC: 26 por, kontraŭ 0, sindetenoj 0. Sekve ili estas elektitaj.
Sekve *la Kontrol-Revizia Komisiono estas elektita en la konsisto: Grigorij Arosev (prezidanto), Jurij Karcev, Nikolaj Nikulin, Oleg Ciganov.*

**Diversaĵoj**

VA memorigas, ke necesas nomumi por la nova periodo A-komitatanon de UEA por REU.
Post pridiskuto oni proponas peti al *Tatjana Loskutova* (TL) fariĝi A-komitatano. Ĉar ŝi ne ĉeestas oni ne povas aprobi ŝian kandidatecon. Eventuala decido estas: proponi, ke TL *estu A-komitatano de UEA por REU, kaj okaze de ŝia konsento konfirmi tion aŭtomate; okaze de ŝia malkonsento la Estraro poste aparte diskutu kaj nomumu A-komitatanon de UEA por REU.*




Okazas malferma voĉdono por tiu propono. Distancaj konferencanoj partoprenas la voĉdonon. Voĉoj por tiu propono: por 25, kontraŭ 0, sindetenoj 0. Sekve la propono estas akceptita.

GA fermas la kunvenon.

*Plen- aŭ partatempe la konferencon partoprenis:* Maksim Griŝin, Nikolaj Gudskov, Nikolaj Nikulin, Miĥail Ĉertilov, Irina L. Mironova, Julija Samsonova, Irina Gonĉarova, Ivan Kitajkin, Jurij Karcev, Ljudmila Bikova, Nadeĵda Ŝanceva, Miĥail Povorin, Rimma Roganova, Aleksej Nistratov, Roman Bolŝakov, Irina Gorodeckaja, Julija Tenengolc, Sergej A. Kuznecov, Vladimir Samodaj, Valentin Seguru, Aleksandr Milner, Svetlana Smetanina, Grigorij Arosev, Viktor Aroloviĉ, Oleg Ciganov, Antonina Bokarjova, Natalja Ŝoroĥova, Vladimir Merkulov, Irina M. Mironova.
Distancaj partoprenantoj: Moisej Bronŝtejn, Vladimir Opletajev, Jelena Kuznecova, Vjaĉeslav Suslov, Aleksandr Aksjonov. Distanca observanto – Aleksandr Blinov.

***Protokolis G. Arosev***
***Moskvo, la 14-an de aprilo 2013***

***Noto.*** *Decidoj de la Konferenco ne estas publikigataj kiel aparta dokumento. La ĉefaj decidoj (substrekitaj kaj kursivigitaj) estas ekstrakteblaj el la Protokolo.*

**Suplemento 1.**
Raporto de la estrarano pri kluba kaj regiona agado.

**Suplemento 2.**
Resumo de la raporto de la Kontrol-revizia Komisiono.

*Ambaŭ suplementoj estas publikigotaj aparte.*

---

# REU-kotizoj por 2013

## – mecenata kotizo: 500 rubloj

*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo (vd.sube), sed sur la membrokarto estos skribita "Mecenato de REU".*

**– individua kotizo por 2013: 250 rubloj (por eksterKSŜanoj – 25 eŭroj).**

*Inkluzivas membrokarton, Bultenon de REU en elektronika formo (laŭpete – ankaŭ en la papera) kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton dum Konferencoj de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU. La individua kotizo validas por la kalendara jaro 2013.*

**– dumviva kotizo: 5000 rubloj (por eksterKSŜanoj – 500 eŭroj)**

*Inkluzivas ĉion de la individua kotizo dum la tuta vivo de la membro.*

**– familia kotizo: 100 rubloj**

*Inkluzivas membrokarton, voĉdonrajton dum REU-Konferencoj, rabatojn en E-aranĝoj de REU. Je familia kotizo rajtas parencoj de individuaj, dumvivaj aŭ mecenataj membroj, kiuj loĝas ĉe la sama adreso.*

**– kolektiva kotizo: 70 rubloj por ĉiu aligita membro (aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 membroj).**

*Inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por kolektivoj kun 10-15 aligitaj membroj (kaj por ĉiu aldona deko de aligitaj membroj), aliajn informojn de REU por la kolektivo; membrokartojn, voĉdonrajtojn en Konferenco de REU, rabatojn en E-aranĝoj de REU.* ***Se kolektivo pagas por malpli ol 10 membroj, ĝi devas aparte aboni REGon****.*

**– aliĝkotizo por novaj aŭ realiĝintaj kluboj – 300 rubloj.**

*Unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. Jam aliĝintaj kolektivoj ne pagas. Nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se kolektivo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi poste devas denove aliĝi al REU.*

# Pagmanieroj

**1. Poŝta ĝiro:** 142717 Московская область, Ленинский район, п/о Развилка, до востребования, Наталье Николаевне Шороховой

**2.** En **Yandex-Dengi** oni povas pagi al la monujo 41001612527392

3. Pagi kotizon (post anticipa interkonsento) ankaŭ oni povas **persone en Moskvo**.

4. Tra **Sberbank**.

– Se vi havas propran bankan karton, emisiitan de Sberbank, vi povas ĝiri la monon rekte tra bankmaŝino (банкомат). Tiucele enigu karton, entajpu vian identigan kodon, kaj poste elektu en la menuo: "**Перевод средств**". Entajpu numeron

de la karto: 6761 9600 0497 614843 kaj necesan sumon.
– Se vi ne havas karton aŭ aŭtomata ĝiro ne sukcesis, vizitu bankon kaj transpagu la monon, uzante ĉi-subajn datumojn:
Банк получателя: ОАО "Сбербанк России"
БИК 044525225, ИНН 7707083893, КПП 775003035, ОКАТО 45286580000, ДО № 0135, 121069, Москва, Поварская улица, 31/29.
Получатель: Шорохова Наталья Николаевна
Номер счёта получателя: 40817 81003 82604 04119, код подразделения 9038/00135

Bonvolu nepre konsideri, ke samtage kun la ĝiro vi devas retpoŝte aŭ telefone informi nin pri via pago (pere de la adreso **membreco@reu.ru** aŭ numeroj de estraranoj). Vi devas informi pri la ĝirita sumo kaj la nomo(j) de persono(j), por kiu(j) estas destinita la pago. Se vi ne informos nin, la mono estos konsiderata kiel anonima donaco por la kaso!

---

## VLADIMIR LEMELEV (1938-2013)

La 27-an de marto 2013 en Moskvo forpasis d-ro Vladimir Romanoviĉ Lemelev. Brila sciencisto-medicinisto, elstara pedagogo, aŭtoro de multegaj sciencaj verkoj, eksterordinara erudiciulo kun enciklopediaj scioj kaj samtempe ege modesta, bonkora kaj helpema Homo... Dum multaj jaroj li estis docento kaj vicdekano en Samarkanda medicina instituto, vicprezidanto de la urba E-klubo, kungvidanto de E-kursoj kaj de la studentaj sciencaj konferencoj pri interlingvistiko kaj esperantologio en Samarkanda universitato... Lerninte Esperanton en 1977, ĝis la lasta horo Vladimir Romanoviĉ restis fidela al la ideo de la Internacia Lingvo kaj faris grandegan kontribuon por la evoluo de E-movado en Uzbekio. Li senlace prelegis, instruis la lingvon, artikolis, partoprenis landajn E-aranĝojn, aperigis multajn valorajn materialojn en la scienca rubriko de “Monato”... Lastatempe docento V.R.Lemelev loĝis en Moskvo kaj estis Fakdelegito de UEA pri medicino/epidemiologio.



Ni funebras kaj kondolencas.

***Anatolo Ionesov (Uzbekio)***

## LERNEJAJ LINGVAJ FESTIVALOJ EN KALUGA

La 2-an de marto 2013 en la antikva rusia urbo Kaluga tre sukcese pasis la dua Kaluga Lingva Festivalo. Sur la fronta paĝo de la Programo ĉiu vizitanto povis legi, ke la Festivalon organizas la Administrejo pri klerigado de la urbo Kaluga, asistata de la Moskva Esperanto-Asocio “MASI”, Kaluga ŝtata universitato nome de K.E.Ciolkovskij, Kaluga filio de la Moskva ŝtata teknika universitato nome de N.E.Bauman, Kaluga filio de la Rusia ŝtata humanscienca universitato.

Kial la nomo de nia Asocio okupas en tiu ĉi impona listo la unuan lokon? Ĉar la antaŭhistorio de la juna Kaluga festivalo komenciĝis en Moskvo, kien por la 5-a Moskva Lingva Festivalo en 2010 venis granda grupo de kalugaj lernejanoj, organizita de Marija Turilova, oficistino de la urba Administrejo pri klerigado. Por la sekva jaro al MLF antaŭaliĝis jam 60 lernejanoj de Kaluga – kaj tio kaŭzis neplanitan eventon: la 1-an Lernejan Lingvan Festivalon en Moskvo. Enkadre de ties programo estis nekutima ero: Konversacia Rondo por lernejaj instruistoj kaj gepatroj pri la temo “Ĉu indas organizi apartajn lingvajn festivalojn por lernejanoj?” Dum la kunveno la reprezentantoj de Kaluga, inspiritaj de niaj garantioj pri ĉiaspecaj subtenoj, decidigis organizi la propran lernejan LF en sia urbo. Kaj la 21-an de aprilo 2012 la 1-a Kaluga Lingva Festivalo sukcese pasis. En tri blokoj estis prezentitaj 27 prilingvaj prezentadoj kaj prelegoj, 15 el kiuj faris la speciale alvenintaj moskvaj festivalanoj. Do, la organizantoj de la unua KLF laŭrajte estis la Administrejo pri klerigado de la urbo Kaluga kaj la Moskva E-Asocio “MASI”. Dum la Solena Malfermo la reprezentantoj elpaŝis kun salutvortoj, tiel la kaluganoj eksciis pri MLF, MASI kaj Esperanto, kaj la prezentado de Esperanto kolektis plenan klasĉambron.



Ĉi-jare listo de la organizantoj impone kreskis. Kreskis ankaŭ la kontribuoj de la lokaj specialistoj, la kvanto de la partoprenantoj kaj famo de la evento en la urbo. La duan Kalugan festivalon denove gas-

tigis la gimnazio № 24 – kies 300-seĝa solenejo jam ne povis liveri sidlokojn por ĉiuj ĉeestantoj. Je la 11-a horo ĉi tie kolektiĝis gelernantoj-lingvemuloj el dudeko de la urbaj lernejoj. Kiel kunordiganto de la Moskva Esperanto-Asocio "MASI" kaj direktoro de la Moskva Lingva Festivalo, en la malgranda salutparolo mi klarigis, kial ĝuste esperantistoj lanĉis la lingvafestivalan movadon, kaj menciis, ke la kreinto de Esperanto Ludoviko Zamenhof traktis ĝin kiel la lingvon duan post la gepatra kaj komunan por ĉiuj.

Dum la Festivalo estis prezentitaj 30 programeroj. Enkadre de la unua bloko mi prezentis Esperanton. La seĝoj en la 30-loka klasĉambro ne sufiĉis. Ĉiuj aŭskultantoj estis gelernantoj de la plej diversaj aĝoj – kaj ĉiuj estis tre atentaj kaj aktivaj. Ili multe ĝojis al la disdonitaj flugfolioj kaj broŝuroj, ĉiuj deziris daŭrigon. Feliĉe inter la gastoj estis Julija Tenengolc, nova esperantistino el Kaluga, ĵus antaŭ semajno vizitinta la MASI-an renkontiĝon Apero-7. Ŝi promesis plu zorgi pri la dezirantoj lerni Esperanton. Intertempe en la solenejo prezentis la japanan lingvon alia MASI-ano, la fama festivalano Miĥail Ĥaminskij. En la dua bloko li prelegis pri la iberiaj lingvoj kaj en la tria – pri la slavaj. En la dua kaj tria blokoj MASI-anino Julija Samsonova prezentis la lingvojn hebrea kaj Tok-pisino. Intertempe mi estis intervjuita de la urba televido "Nika" kaj traktis eblecojn pri aliaj kunaj projektoj.




La programon de la 2-a Kaluga LF kronis la belega kaj vere festa koncerto. Ĉiuj prelegintoj ricevis la Dankleterojn de la Administrejo pri klerigado de la urbo Kaluga. Ĉiuj vojaĝ-, loĝ- kaj eĉ manĝelspezoj de la gast-prelegintoj denove estis kompensitaj de la invitinta organizaĵo.

Nun antaŭ la kalugaj organizantoj staras granda problemo: organizi la Festivalon, malfermitan por ĉiuj urbanoj. La studentoj, la gepatroj de la lernejanoj insistas pri sia rajto partopreni la novtipan klerigan eventon en la urbo.

Laste, sed ne balaste. La ekzemplo de Kaluga montras, ke ankaŭ neesperantistoj scipovas organizi bonegan Lingvan Festivalon, se ili studas nian sperton, sekvas niajn rekomendojn kaj havas nian atenton kaj helpon – ne nur kuraĝigan kaj konsilan, sed ankaŭ kontribuan. Dank' al tiu ĉi kunlaboro pozitive famigas sin esperantistoj kaj Esperanto akiras renomon, estimon kaj prestiĝon. Mi alvokas ankaŭ aliajn urbojn sekvi la kaluganojn – kaj flanke de "MASI" kaj MLF vi ĉiam ĝuos subtenon!

***Irina Goncarova, direktoro de Moskvaj Lingvaj Festivaloj,***
***kunordiganto de la Moskva E-Asocio "MASI", http://ek-masi.weebly.com***

## UEA-MEMBRARO EN 2012: MALKRESKO SED TAMEN SUPER 5000

En la aprila numero de la revuo *Esperanto* aperas la oficiala statistiko pri la membraro de UEA en 2012. Kiel oni antaŭvidis, en jaro de malgranda UK la nombro de individuaj membroj malkreskis. Entute estis 5046 individuaj membroj, t.e. je 275 malpli ol en 2011. La pinto de 12 landoj konsistis el Germanio (485; -17), Francio (463; -71), Brazilo (390; +5), Japanio (370; +12), Usono (264; -31), Nederlando (217; -16), Italio (168; -13), Vjetnamio (131; +87), Hispanio (127; -13), Belgio (127; -9), Britio (122; -11) kaj Ĉinio (127; +10). Sufiĉe forte malkreskis la nombro de aligitaj membroj, t.e. tiuj membroj de la landaj asocioj, kiuj ne estas samtempe individuaj membroj de UEA. Ili nombris 10057 (-423). Sur la unua loko estis Ĉinio (1068; +17). Por pli ol 300 aligitaj membroj pagis Japanio (891; -17), Italio (735; +57), Germanio (619; -34), Belgio (436; -25), Pollando (354; -396), Britio (341; +5), Svedio (326; +12) kaj Usono (315; -71).

La tuta UEA-membraro, kiu konsistas el la individuaj kaj aligitaj membroj kune, estis 15103 (-698). Malpli ol 30-jaraj estis 371 individuaj membroj, kiuj do samtempe estis individuaj membroj de TEJO (-2). Krome estis 1612 junaj aligitaj membroj (-102). La junulara sekcio de UEA do havis sume 1983 membrojn (-104).

Revuo *Esperanto* de UEA havis 3131 pagitajn abonojn (-169) kaj la revuo *Kontakto* de TEJO 702 (+49).

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## TRI NOVAJ FILMOJ EN LA RETA KINEJO

La Reta Kinejo de UEA pliriĉiĝis per du prelegoj pri tre malsamaj kampoj: literaturo kaj astrobiologio. Ambaŭ filmoj estis realigitaj de Francisco L. Veuthey.

"Traduko kaj originalo en la Esperanto-literaturo" estas prelego, kiun prof. Humphrey Tonkin faris en la Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA la 26-an de novembro 2012. En ĝi li parolas pri la nocio, ke la Esperanto-literaturo fakte estas en si mem tradukita literaturo, ĉar ĉiu literatura verko en Esperanto estas iasence manifestiĝo de la kultura kaj lingva fono de la verkinto. La filmo inkluzivas ankaŭ la postprelegan diskuton kaj daŭras 56 minutojn.

La alia filmo, "Serĉado de ekstertera inteligenteco", estas registraĵo de la prelego de prof. Amri Wandel en la IKU de la 96-a UK en Kopenhago en 2011. Wandel prezentas metodojn kaj aparatojn uzatajn por malkovri vivon kaj civilizaciojn ekster la Tero. La filmo daŭras 47 minutojn.

La tria novaĵo de la Reta Kinejo de UEA estas la prelego de d-rino Vera Barandovská-Frank pri la dana lingvisto Otto Jespersen (1860-1943), farita en la Internacia Kongresa Universitato de la 96-a UK en Kopenhago. La plena titolo de la prelego estas "Dialogo kaj interkompreno en la interlingvistika laboro de Otto Jespersen". La filmo daŭras 56 minutojn. La teksto de la prelego troviĝas en "IKU-libro 2011", aĉetebla ĉe la Libroservo de UEA kaj elŝutebla ĉe <http://www.uea.org/pdf/IKU2011.pdf>.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***




# PRINTEMPO VENIS KUN RAFAEL

Mi konatiĝis kun Rafael pasintjare en Jalto dum la SAT-kongreso, kies organizanto mi estis. Mi memoras, ke veturonte al la kongreso li avertis min, ke deziras instrui Esperanton. Mi akceptis tion sen troa entuziasmo kaj eĉ, kiam li instruis, ne tre interesiĝis, rimarkinte nur, ke dum la lecionoj estis multe da gajo kaj rido. Tamen ni ofte interbabilis, kaj kiam li demandis pri la ebleco alveturi post duonjaro Jalton kaj instrui Esperanton, mi ne rifuzis, ĉar esperis, ke anonco pri la hispana instruisto helpos altiri homojn al la kurso.

Por akcepti Rafael ni bezonis trovi nemultekostan komfortan loĝejon por li kaj organizi pagajn kursojn de la hispana kaj Esperanto. Trovi homojn, dezirantajn lerni la hispanan kontraŭ malpli granda mono ol oni pagas en oficialaj kursoj, ne estis problemo. Pli komplike estis varbi dezirantojn lerni Esperanton, ĉar la angla “premas” kaj la junularo iĝis tre stereotipa: “la angla estas la internacia lingvo, Esperanto estas morta lingvo”. Estus facile komprenigi gejunulojn, ke la vero estas ne tiom simpla, sed por tio necesus altiri ilin al renkontiĝo, kio malfacilas eĉ en Jalto, kie nia E-klubo estas vigla kaj krea.

Do, fine de januaro ni estis pretaj inviti Rafael por 3 monatoj kaj anoncis pri la kurso en la universitato kaj urba biblioteko, kreis en la reto paĝon, invitante partopreni la unuan malferman lecionon. Venis ĉ. 25 homoj. Poste ni komprenis, ke preskaŭ ĉiuj estis varbitaj persone de esperantistoj. Bona sperto por estonte ne malŝpari tempon kaj energion por la afiŝoj k.a.

Komence de februaro ekis E-kursoj ĉe la universitato (ĉ. 20 personoj) kaj anglalingva lernejo (10 lernantinoj). Mi volas rimarki, ke en februaro en Jalto jam aperas la unuaj floroj, ni eksentas printempon. Kaj ni ŝercis, ke printempo venis kun Rafael. Ni estas kontentaj pri la kurso ĉe la universitato, ĉar restis ĉ. 15 personoj. Ĉiuj ili ekparolis, eĉ la plej problemaj. Dum liaj lecionoj ĉiam regas gajo, la kursanoj venas kvazaŭ al festo. Rafael estas plena de





bonkoro, amo kaj humuro, kaj tio alportas sukceson. Lia metodo estas tute persona, la lecionoj estas improvizaj. Esperanton mi instruas dum pli ol 50 jaroj laŭ propra metodo, kies unuaj lecionoj estas rektmetodaj, sed ankaŭ al mi la E-kurso de Rafaelo estis tre utila.

Partopreno de Rafael ne limiĝis nur je la instruado. Li vizitadis en Jalto Socian organizaĵon de junaj handikapuloj kaj veturis al la urboj Ĥarkovo, Poltavo, Simferopolo kaj Odeso, kie esperantistoj organizis renkontiĝojn kun li cele revivigi E-movadon. Kaj, malgraŭ ke en la renkontiĝoj Rafael povis prezenti nur unu lecionon, liaj vizitoj estis efikaj. Verŝajne la plej grava rezulto de la vojaĝoj estas tio, ke odesanoj kaj ĥarkovanoj invitis lin aŭtune instrui Esperanton. Krome li nepre partoprenos aŭtune 3-an urban Lingvan Festivalon en Jalto. Post 3-monata estado en Jalto li forflugis hejmen la 22-an de aprilo kaj revenos la 30-an por gvidi 8-tagan E-kurson en la printempa E-aranĝo "Aroma Jalto". Adiaŭante Rafael, la jaltanoj arde dankis lin kaj nomumis Honora membro de la klubo "Tero".

Kaj ankaŭ grava novaĵo por rusianoj: Rafael estas invitita instrui Esperanton de la novosibirska E-klubo "Sciureto". Esperanto-kluboj de Tomsk, Jekaterinburg, Krasnojarsk ne preterlasu eblecon uzi lian viziton al tiuj urboj.

***Jefim Zajdman (Ukrainio)***

## NAŬ FAKULOJ PRELEGOS EN LA REJKJAVIKA IKU-SESIO

Surbaze de la prijuĝo de la Komisiono pri Internacia Kongresa Universitato, la Estraro de UEA elektis naŭ prelegojn por la 66-a sesio de IKU, okazonta dum la 98-a UK en Rejkjaviko. La komisiono ricevis entute 18 proponojn. Kiel la rektoron de la ĉi-jara sesio la Estraro jam pli frue elektis akademianon Otto Prytz – norvegan lingviston, ĵus premiitan per hispana reĝa ordeno pro multajara instruado de la hispana en la Universitato de Oslo.

En Rejkjaviko okazos jenaj prelegoj:

Vera Barandovská-Frank (Germanio): *Insulo Thule ĉe antikvaj aŭtoroj*;

Jane Edwards (Usono): *Krimo en malvarma klimato*;
Geoffrey Greatrex (Kanado): *La du sortoj de la romia imperio*;
Hannes Larsson (Francio): *La violono*;
Jouko Lindstedt (Finnlando): *Ĉu lingvoj evoluas simile al biologiaj specioj?*;
Otto Prytz (Norvegio): *La 'nov-norvega' kaj Esperanto*;
Tsvi Sadan (Israelo): *Unu komuna lingvo, multaj malsamaj kulturoj: Problemoj de interkultura komunikado en Esperanto*;
José Antonio Vergara (Ĉilio): *La insula edeno de Darwin*;
Amri Wandel (Israelo): *Aŭroro – la nordia lumo*.

La prelegoj de Larsson kaj Sadan estos samtempe partoj de kursoj de Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS). La kursoj konsistos el du daŭrigaj prelegoj aldone al la IKU-prelego por pli profunda traktado de la temo. La kunlaboro inter UEA kaj AIS kadre de UK komenciĝis en 1995.

La prelegotekstoj aperos en la t.n. IKU-libro, lanĉota en la UK. Kelkaj antaŭaj volumoj estas ankoraŭ haveblaj ĉe la Libroservo de UEA. Krome, pluraj IKU-libroj estas konsulteblaj en la IKU-sekcio de la kongresa retejo de UEA.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

## PLI OL 3500 ŜATANTOJ DE UEA EN FACEBOOK

La nombro de ŝatantoj de la paĝo de UEA en la socia retejo Facebook ("Vizaĝlibro") atingis 3500 la 31-an de marto. La paĝo estis kreita la 5-an de novembro 2009. Kun 470 ŝatantoj Brazilo havas la unuan lokon en la laŭlanda statistiko. Aliaj pintaj landoj estas Usono (315), Francio (212), Pollando (160), Italio (157), Hispanio (143), Germanio (114), Meksiko (109), Argentino (103) kaj Rusio (88).

En Brazilo troviĝas ankaŭ la du urboj kun plej multe da ŝatantoj: San-Paŭlo (57) kaj Rio-de-Ĵanejro (55), sekvataj de Parizo (47), Hanojo (40), Budapeŝto (36), Bonaero (34), Santiago de Ĉilio kaj Varsovio (po 33), Seulo kaj Vilno (po 29), Moskvo (28), Romo kaj Belo Horizonte (po 25). 71,2% de la ŝatantoj de la UEA-paĝo en Facebook estas viroj kaj 27,3% virinoj, dum 1,5% ne indikis sian sekson. Viroj do estas iom pli forte reprezentataj en Facebook ol en la individua membraro, kie 66% estas viroj, 31% virinoj kaj 3% ne anoncis sian sekson.

Per sia Facebook-paĝo UEA atingis publikon, kiu estas multe pli juna ol la kotizanta membraro. Entute 40,5% de la ŝatantoj estas malpli ol 35-jaraj, dum inter la individuaj membroj ilia proporcio estas 7,3%.

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***



# la verda KoRo

kultura revuo


## UEA-LIBROSERVO EN 2012: "POŜAMIKO" LA PLEJ FURORA

Same kiel en 2009 kaj 2011, la lingvo-ekzercilo "Poŝamiko" de B.Allée kaj K.Kováts estis la plej furora titolo en la Libroservo de UEA en 2012. Kun 326 ekzempleroj ĝi vendiĝis preskaŭ duoble tiom kiom la KER-ekzamena preparilo "Esperanto de nivelo al nivelo" (172 ekz.), kaj eĉ pli ol en 2011, kiam 230 ekz. sufiĉis por la unua loko. Tiu lasta fakto estas surpriza, ĉar oni atendus, ke en jaro, kiam la vendado ĝenerale malkreskis, eblus venki per pli modesta kvanto ol antaŭe. Tamen ankaŭ la dua plej populara titolo vendiĝis pli ol "Pasporta Servo" en 2011 (160). Se ankaŭ pasintjare estus aperinta nova eldono de la adresaro de la gastiga servo de TEJO, ĝi certe situus pli alte. Tamen kun 82 ekz. la eldono de 2011 atingis bonan lokon, kio devus atentigi al TEJO, ke la papera eldono kaj la gastiga servo mem plu estas bezonataj.

Lerniloj kaj vortaroj furoris pli ol beletraj kaj fakaj verkoj. Tio estas natura: same estus en kiu ajn lando, se oni statistikus la vendojn de libroj en iu fremda lingvo. La plej populara beletraĵo estis "Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo" de T.Sekelj, kiun oni trovas en ambaŭ statistikoj. La reveno de tiu ĉarma libro al pinta loko, post multjara foresto, evidente okazis pro la centjara jubileo de la aŭtoro. Eventoj kaj fenomenoj de la koncerna jaro ĉiam lasas spurojn en la libroserva furorlisto. Krom *Kumeŭaŭa*, ekzemploj en 2012 estis la indonezia ŝlosilo "Kunci Esperanto" kaj la vjetnama versio de la furora lernilo "Esperanto per rekta metodo" de S.Marček. La bona vendiĝo (kaj baldaŭa reeldono) de la unua indikas la elanon de nia movado en Indonezio, dum la dua ŝuldiĝas al la okazigo de UK en Hanojo.

La vendoj malkreskis. En 2011 ili sumiĝis je 100 160 eŭroj, sed pasintjare la sumo estis 87 377 eŭroj (-12,8%). Tion ĉefe kaŭzis la malpli granda UK, kie ĉiuj varoj estis vendataj senprofite kun ekstrema rabato. Krome, UEA mem apenaŭ eldonis novaĵojn kaj entute la nombro de novaj Esperanto-libroj estas malkreskanta. (Laŭ la statistiko de A. Korĵenkov en *La Ondo de Esperanto*, la rubriko "Laste aperis" de la revuo *Esperanto* menciis 153 novajn librojn en 2012, 172 en 2011 kaj 204 en 2010.)

### *VENDOJ ENTUTE*

| Ekz. | Titolo | Prezo (eŭroj) |
|---|---|---|
| 326 | *Poŝamiko* (B. Allée & K. Kováts) | 5,10 |
| 172 | *Esperanto de nivelo al nivelo* (Red. M. Kovács) | 10,50 |
| 132 | *Pri homoj kaj verkoj* (Red. M. Lipari k H. Tonkin)* | 9,00 |

| | | |
|---|---|---|
| 130 | *Baza Esperanta radikaro* (W.F. Pilger)* | 7,50 |
| 92 | *Kunci Esperanto* (indonezia ŝlosilo)* | 1,20 |
| 91 | *Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo* (T. Sekelj)* | 4,80 |
| 90 | *Vojaĝo en Esperanto-lando* (B. Kolker)* | 18,00 |
| 89 | *Asteriks kaj Kleopatra* (Goscinny kaj Uderzo) | 12,00 |
| 82 | *Pasporta Servo 2011* (listo de gastigantoj)* | 9,00 |
| 70 | *Faktoj kaj fantazioj* (M. Boulton)* | 13,80 |
| 65 | *Sed homoj kun homoj* (Z.M. Sikosek)* | 18,00/15,00 |
| 63 | *Internacia Kongresa Universitato 2012* (Red. R. McCoy)* | 15,00 |
| 56 | *Esperanto bằng phương pháp trực tiếp* (S. Marček) | 7,50 |
| 54 | *Beletra Almanako 13* | 9,90 |
| 54 | *Bildvortaro* (P. Desmet' kaj J. Horvath) | 36,00 |
| 47 | *Komputeko* (Y. Nevelsteen) | 6,60 |
| 42 | *Discover Esperanto* (E@I) | 1,50 |
| 41 | *Detala gramatiko de Esperanto* (B. Wennergren) | 12,00 |
| 41 | *Beletra Almanako 14* | 9,90 |

***UNUEKZEMPLERAJ VENDOJ***

| Ekz. | Titolo | Prezo (eŭroj) |
|---|---|---|
| 48 | *Beletra Almanako 13* | 9,90 |
| 40 | *Bildvortaro* (P. Desmet' k J. Horvath) | 36,00 |
| 38 | *Beletra Almanako 14* | 9,90 |
| 35 | *Beletra Almanako 15* | 9,90 |
| 25 | *Komputeko* (Y. Nevelsteen) | 6,60 |
| 25 | *Historio de UEA* (Z. van Dijk) | 12,30 |
| 23 | *Pri homoj kaj verkoj* (Red. M. Lipari k H. Tonkin)* | 9,00 |
| 20 | *Star in a Night Sky* (Red. P. Gubbins) | 24,60 |
| 20 | *Vojaĝo en Esperanto-lando* (B. Kolker)* | 18,00 |
| 19 | *Detala gramatiko de Esperanto* (B. Wennergren) | 12,00 |
| 19 | *Pasporta Servo 2011* (listo de gastigantoj)* | 9,00 |
| 18 | *Taglibro de malliberulo* (H.M. Al-Amily)* | 8,10 |
| 17 | *La refleksivo en Esperanto* (A. Cherpillod) | 1,50 |
| 17 | *Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo* (T. Sekelj)* | 4,80 |
| 16 | *Leksikaj vagadoj* (A. Cherpillod) | 6,00 |
| 16 | *Sed nur fragmento* (T. Steele) | 25,80 |
| 16 | *Antologio latina 4* (Kompilis k trad. G. Berveling) | 21,30 |
| 16 | *Poŝamiko* (B. Allée & K. Kováts) | 5,10 |
| 16 | *Mia vivo kaj Esperanto* (A. Cherpillod) | 4,50 |

* Eldonaĵo de UEA/TEJO

***Gazetaraj Komunikoj de UEA***

# *Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)*

**** * ****

***Ĉu estas pli ol deca***
***nun mia viv' oldeca?***
***Ho ne, soranta reve,***
***mi plu ripetas re: Ve!***

*Efektive, mankas tempo por oldiĝi. La lasta jaro (ne la kalendara, sed perioda – de aprilo ĝis aprilo) estis troplena je vojaĝoj. Aludinte amason da fulmaj vizitoj: al Tula (40-jara jubileo de la diplomdefendo), Moskvo (partopreno en LF), Riga (registrado de nova disko) k.a., – mi diru ke estis ankaŭ pli longtempaj elhejmiĝoj – al Israelo (inkluzive partoprenon en la kongreso de ELI), al Ĉeĥio (OSIEK-Konferenco) kaj al Germanio (IF) kun posta monata turneo en Francio. Ĉiuj ĉi vojaĝoj grave bremsis mian laboron pri grandampleksaj verkoj, rekompence provizinte min per arego da impresoj, kiujn mi muldis en miajn poemetojn. Ve, la impresaro estas tiom abunda, ke ĝis nun mi ne povas opinii ĉiun el la privojaĝaj poemetaroj finfarita – nur iom post iom mi evoluigas la versliniojn iam aperintajn en mia notlibro. Do, ne atendante definitivan finfaron (eble eĉ neniam okazontan), mi kuraĝas prezenti reklamcele al la legantoj de REGo po unu poemeto el la stokoj «Krokizoj el Israelo», «La ĉeĥia simfonio» kaj la tekston de nova kanto «Balado pri Cognac».*

***Sincere via,***
***Mikaelo Bronŝtejn***

***Bet Shean***

Kun JoMo, sed ne por kantado
mi paŝas laŭ senluma pado
en homamaso al miraklo:
romia urbo, nokt', spektaklo.
En la senfundo steloj brilas.
Dezertaj rokoj plu trankvilas.
Antikvaj muroj kaj kolonoj
l' imagon spronas: lumoj, sonoj
aperas bruske kaj de ĉie,
disvolvas bildojn enkonscie
de l' agoj antaŭ du jarmiloj –
jen tintas glavoj, jen rebriloj
de incendi', trotad' ĉevala,
ekjelpo fala, kri' rivala –
manifestiĝ' de glora venko...
Silente gapas de sur benko
kun rav', admir' kaj embaraso
mi, JoMo, steloj, homamaso.
*10.05.2012*



***La ĉeĥia pluvo***

La karotkolor'
de l' tegol' tegmenta
sub senĉesa plor'.
Grizas la ĉiel'.
Vagularo venta
nubojn bredas de l'
fora brita bord'
al eŭropa mezo,
kaj la nuba hord'
kun sopira vant'
ĉe l' pluvplena meso
en la fremda land'.
Ĉiutaga trist' –
pluvoj mezjuliaj,
la somera mis',
enploriĝas nun
inter kantoj miaj –
revoj pri la sun'.
La vetera vol'
varmon forskandalis.
Kantoj kaj parol'
tamen daŭras plu –
mian koron falis
ĉiu ĉeĥa pluv'.
*17.07.2012*

***Balado pri Cognac***

La ĉielo plej klara
benis min en la tag'
de alven' januara
al urbeto Cognac –
ja ĝis nun nekonata,
sed loganta fantom',
tente antaŭbenata
pro famego de l' nom'.
Per la serĉilo musklaka
mi pri l' ĉefurbo konjaka
havis informojn plenverajn,
tamen – ho ve! – ne senperajn.
Certe, pli bonas ekvidi,
ol ĉeekrane nur sidi...
Dankon, amiko Remy –
ĉion do vidas nun mi!



Ĉirkaŭ ĝi centmil vitojn
vartas varmo de l' ter'
por travivi la vintrojn
kaj en ĉiu somer'
meti en la vinberon,
eron de l' suna or',
garantii aperon
de la suna kolor'

en la vinber-alkohol' do –
post finaŭgusta rikolto,
post fermentado humila,
post bobelado distila
en barelegoj la kverkaj
ekmaturiĝas somer', kaj
prancas la kor' en la brust'
pro la triumfo de l' gust'.

De sur muroj antikvaj,
min alvokas kun ard'
vortoj tre romantikaj:
Hennesy kaj Otard.
Kaj ĉi tie ne logas
min la bibliotek' –
mi fervore galopas
al butik' Cognateque[1].

Sekvas botelon botel' kaj
la etikedoj senvelkaj
mian animon tentegas,
min la deziro ekregas
verŝi, gustumi, aspergi
tuj mian enon kaj mergi
l' koron, avidan al frand',
jes – en konjako kaj brand'.

Admirinda vetero
lulas min, sed ne nur:
la plej tenta mistero
kaptis min en la urb'.
Sorĉa sango de l' vito
tiom ardas en mi,
ke ĝis fino de l'vivo
restus mi tie ĉi.




---

[1] Konjateko *(fr.)*

Min kun ĵaluza alvoko
hejme atendas la vodko!
Jes, sed por digne reveni
endas konjakon kunpreni.
Ho, enviindus destino:
frandi ĝin kun amatino
antaŭ amora atak'...
Sed en la urbo Cognac.
*08.01.2013*

---

## Andrej Beljanin

* * *

La vintro, ree vintr'! La arboj – la ludiloj,
Kaj pleje pura lum' kuŝadas sur la voj',
Kaj fajfas la neĝkuglo preter la tempio,
Ĉar iu ĵetis ĝin hazarde kun la ĝoj'.
Knabino preteriris, kvazaŭ ekridetis,
Kaj pli rapidas mi – atendas la labor'.
Sed ĉu dum ĉi maten' mi simple ne atentis:
Ridetas jen al mi la sinjorino sort'?
Heroojn de l' pasint ne provu mi postiri.
Ni fermas la animojn, skribas: "La glaci'".
Mi mem ne diros "jes" por ĝuste nun deliri
Kun lanco kaj la glav', kun forta emoci'.
Abundas la malbon', sed mankas kavaliroj,
Abundas pompa fraz', maloftas simpla vort',
Malmultas ege nun vagantoj en deliroj,
Kaj mankas la poem', la kant', gitara kord'!
Sed ĉu eraras mi? Jen ja batadas koro,
Ĉu kuratingu mi l' knabinon dum moment',
Almenaŭ pri veter' demandu ŝin laŭ moro,
Kaj flatu mi al ŝi per praa kompliment'?
Do ekgalopis mi, samkiel en konkuro,
Espero mankas, sed jen venis mi al ŝi!
Sen spir' rigardis ŝi, min nomis frenezulo,
Ridetis tiel, ke eĉ kanti pretis mi.
La vintro, ree vintr'! Forn' krakas pri somero,
Sopir' kaj nekredem' kun fum' forlasas vin.
Se en l' anim' videblas unu eĉ fajrero,
Surbroven ŝovu kaskon, marŝu al destin'!

***tradukis Gennadij Gluĥov (Jelec)***

## *Nikolao Neĉajev (Irkutsk)*

**Inspiro**

De kie aperas inspiro?
Mi ĉerpas inspiron el miro.
Mirigas la koron naturo:
Nubeto en alta lazuro,
Rosero sur roza petalo
Kaj frapo de mara skual'.

**Maro similas la koron**

Maro inter rokoj hulas
Kiel inter ripoj koro.
Iam voĉo mara hurlas,
Iam mildas kiel ploro.

Kora bat' kaj tajda movo
Iam ritme koincidas,
Kaj aperas versa novo,
Ree mia koro ridas.

**Mia vivo ĉe Bajkalo**

Mia vivo ne komfortas,
Vojoj krutas, ventoj fortas,
Malvarmegas maraj banoj,
Oftas pluvoj, uraganoj.
Tamen mi reveni volas,
Nur Bajkalo min konsolas.

**Mia hejmo ĉe Bajkalo**

Tajg' aromos ĉe l' perono
Jen rezine, jen nektare,
Hejmen venos mara sono
Jen kviete, jen fanfare.
Ĉe la hejm' l' okuloj vidos
Pinon, floron, laron, velon.
Ĉe la hejmo homoj ridos,
L' koroj sorbos kantan belon.

## *Klara Ilutoviĉ (Elektrostalj)*

### Anomalie longa vintro 2013

Fine de la marto
Neĝofal' tempestas.
En bonega farto
Vintro dume restas.

Malgraŭ l' kalendaro
L' mart' je frosto spiras.
Laŭ la temp-eraro
Vintro ne foriras.

La natur' glacion
Rompi ne inklinas.
Fridregante ĉion,
Vintro plu obstinas.

Ĉu preterimage
Frape eksomeros,
Kiam iutage
Vintro malaperos?

### Dum la 4-a Moskva vintra festivalo de orkideoj kaj plantoj el dezertoj de la Tero

Laŭ ĝangalo paŝi mi ne povis,
Nur en libroj vidis ĝian flaŭron.
Sed jen mi en vintra Moskvo trovis
Eron de ĝangal' kaj ties aŭron.

Orkideoj sorĉe multkoloras,
Kaktoj diversegas fantazie.
Nekutimaj plantoj ne plu foras –
Jen apudas ili vivmagie!

Trunkoj kaj lianoj sor impetas,
Foliegoj pompas je l' imenso,
Orkideoj gaje alridetas,
Kiel tra ĝangala virga denso.

Ree mi admirigite staras
Ĉe saluta bril' de Ĝangalio.
La natur' fabele malavaras
Pri la viv' de l' planta familio.

Kvazaŭ ravaj kaj bonkoraj feoj,
Apud kiuj velkas ĉio trista,
Min gastigis kaktoj-orkideoj,
Kiel amikar' esperantista.

# LIBROJ DE “SEZONOJ” – AL BIBLIOTEKO DE MASI




Sabate, la 23-an de marto 2013 malfermiĝis nova direkto por la MASI-agado (MASI – Moskva Esperanto-Asocio “MASI”). Januare Nikolao Nikulin, unu el la MASI-anoj, aranĝis en la “libera spaco” “Domo sub la Arbo” modestan breteton kun kelkdeko da E-libroj kaj pompe nomis ĝin Libera Esperanta Biblioteko (LEB). La afero havis ĉiujn ŝancojn formorti samsilente, kiel estis startinta, sed mencio pri ĝi en la artikolo de “La Ondo de Esperanto” allogis la atenton de Aleksander Korĵenkov, kiu proponis donaci al LEB kelkajn librojn de la eldonejo “Sezonoj”. Tio inspiris nin fari el la librotransdonadoj al LEB kaj aliaj okazaĵoj, ligitaj kun E-libroj, publikajn eventojn en “liberaj spacoj”. La unuan aranĝon ni organizis en la nesto de LEB – la “Domo sub la Arbo”.

Ni nomis la eventon ruslingve: “Konatiĝu: Esperanto-Libro”, vaste reklamis ĝin en la sociaj retejoj. Gaste venis al la kunveno la eldonistoj de “Impeto” Dmitrij Ŝevĉenko kaj Anna Striganova kun siaj libraj kontribuoj al LEB. Rezulte la mastroj de la Domo proponis al ni kromajn bretojn por la biblioteko – kaj nun ĝi aspektas multe pli impone. La renkontiĝo pasis en amika, vigla kaj gaja etoso, konkorde ni registradis la novajn venaĵojn, remetadis la librojn sur la bretoj, fotiĝis, kantis, teumis, komunikiĝis kun aliaj gastoj de la Domo...

Ve, malgraŭ ĉiuj niaj klopodoj al la publika evento venis nur esperantistoj – kio havis sian avantaĝon: la tuta programo pasis en Esperanto. Eble ĝuste pro tio la gejunuloj, venintaj al la Domo post nia programero, multe interesiĝis pri tio, kio ĉi tie okazis, – kaj kvar el ili marde vizitis la enkondukan renkontiĝon por la baza E-kurso FaRo-38. Do, pluse al la agrabla kaj kleriga tempopasigo, kiun ni, esperantistoj, ĝuis dum la evento, ankaŭ ĝia supercelo pri E-popularigo estis atingita.

Ni sincere dankas al Aleksander Korĵenkov kaj Halina Gorecka pro la bonegaj libroj, nova impulso por la agado kaj plezuriga okazintaĵo!




***Irina Gonĉarova, Julija Samsonova (MASI)***
***<www.ek-masi.weebly.com>***

# LA 6-a MEZORIENTA...



Antaŭ kelkaj jaroj Renato Corsetti (Italio) iniciatis novan E-aranĝon – Mezorientan E-renkontiĝon (Kunvenon). La celo estis pliviglígi E-movadon en tiu regiono. Plej aktivis tiurilate turkaj esperantistoj ĉekape kun Murat Ozdizdar, kiu organizis kelkajn Kunvenojn kaj partoprenis ĉiujn.

Ĵus pasis la vica 6-a Mezorienta Kunveno en Armenio (ĝi okazis inter la 29-a de marto kaj la 1-a de aprilo kun ioma kvanto da tagoj por postkunvenaj ekskursoj). Partoprenis ĝin proksimume 35 esperantistoj el proksimaj kaj malproksimaj landoj (Usono, Francio, Nederlando, Kartvelio, Turkio...).

Unue pri la programo – ĝi estis perfekta. Fakte, tio estas kutimo por armenaj esperantistoj. Ĉi-foje la partoprenintoj povis vidi multajn angulojn de la lando, antikvajn preĝejojn kaj monaĥejojn, promeni tra la ĉefurbo de Armenio – la antikva Erevano, ĝui belegan naturon kaj bonegan veteron (senteblis, ke la organizantoj kvazaŭ mendis la ĉarman varman veteron)... Dum la unuaj tagoj okazis prelegoj de turka esperantisto Mert Koseoglu, de esperantisto el Britio Hilary Chapman (pri vidindaĵoj de Argentino), armenaj esperantistinoj rakontis pri E-movado en sia lando... Sed gravas ne nur tio, gravas amikeca etoso – ĉiuj partoprenintoj ekamikiĝis.

Mi ne povas preteratenti ankaŭ grupeton da lernejanoj, kiuj komencis lerni Esperanton (gvidanto – Gayane Abrahamyan): tiuj venis al la aranĝo por iom eksenti la E-etoson, vidi diversnacianojn kaj komunikiĝi kun ili.

Laŭ mi la ĉefa manko estis, ke la Kunvenon ne partoprenis esperantistoj el la najbara Irano. Kaj ne estis eĉ unu reprezentanto el la vasta Rusio, ja tie loĝas tre aktiva tavolo de esperantistoj... Aliajn mankojn mi ne rimarkis.



Per tio mi ŝatus refoje danki la organizantojn de la E-kunveno pro tiu aranĝo, kiu vere plezurigis nin kaj prezentis al ni lokajn vidindaĵojn. Kaj nun, ĝis revido en la 7-a Mezorienta Kunveno venontan jaron en Tbilisi, Kartvelio, kie la movado renaskiĝas.

***Dmitrij Cibulevskij***
***(Ukrainio)***